VIIa jaro. No 105 ★ Duonmonata ★ 20 Julio 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. ») 
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO : HECTOR HODLER

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . . 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# DU DANĜEROJ

« Estimata Sinjoro. Ĉar mi jus estis elektita Delegito de U. E. A. en B. mi tuj komencis grandan propagandon por Esperanto. P-ro X., kiun ni venigis, faris antaŭ multnombraj ĉeestantoj grandan paroladon, sekve de kiu ni organizis kursojn kun entute du cent lernantoj. Ĉiuj gazetoj favore raportas pri nia afero. Mi ne dubas, ke post kelka tempo estos ĉi tie cento da entuziasmaj Esperantistoj... »

Tiajn leterojn mi ofte ricevas. Pasas kelkaj semajnoj kaj, jen, alportas al mi la leteristo la sekvantan komunikaĵon :

« Estimata Sinjoro. Malgraŭ la paroladoj, la kursoj kaj la gazetartikoloj, Esperanto ne sukcesas en mia urbo. La indiferenteco de miaj samurbanoj pri la ideo de lingvo internacia estas granda. Tamen mi ankoraŭ batalas. Fine ni venkos... »

Pasas denove kelkaj semajnoj. Alvenas simpla poŝtkarto : « Estimata Sinjoro. Bedaŭrinde mi devas konstati, ke Esperanto malsukcesas ĉi-tie ; miaj samurbanoj estas ekstreme indiferentaj pri ĉiu novaĵo kaj malamikaj al nia kara lingvo. Nia grupo nur vivetas kaj mi estas preskaŭ la sola vera Esperantisto. Mi bedaŭras, ke mi ne povas sendi aliĝojn, k. t. p... »

Tiuj tri leteroj ilustras la sinsekvajn aspektojn de la metodo ekskluzive propagandema, malmodesta, predikema kaj blufa. Unue, granda bruo kaj ĝenerala entuziasmo ; due, progresanta indiferentiĝo ; trie, reveno al la primitiva stato, pligravigita de la malsukceso. Tiu ĉi priskribo ne estas tirita el mia imago. Venintaj el kelkaj centoj da lokoj dokumentoj atestas, ke mi estas prava. Sed anstataŭ kulpigi sian metodon, niaj propagandistoj preferas akuzi siajn samurbanojn je speciala apatio kaj mallaboremo — aserto, kiu, ĉar ĝi trafas urbojn apartenantajn al plej diversaj landoj kaj rasoj, sin mem nuligas.

Ĉu do niaj propagandistoj estis speciale mallertaj ? For de mi tiu supozo ! Ni ĉiuj konfesas ilian sindonemon, ilian konvinkan elokventecon, ilian lertecon pri la lingvo mem. Ĉu do la personoj al kiuj ili sin turnis, prezentis apartan mallaboremon aŭ malkapablecon ? Neniu kuraĝus tion eĉ momente subteni. Ĉu en Esperanto mem kuŝas la malhelpo ? La negativa sukceso de la populara Idista propagando, farata laŭ la samaj principoj, montras, ke kiu ajn lingvo renkontos la samajn malfacilaĵojn, se ne pli. La manko, tre reala, venas antaŭ ĉio de la alprenita metodo : la pure predika propagando, kiu spite ĉio estas praktikata de la plimulto de niaj agantoj, la propagando per la promesoj kaj la estontaĵoj, la propagando senzorga, sencifera, malpreciza kaj blufama, kiu entiras en niajn retojn kelkajn centojn da homoj, kiuj kelkajn semajnojn poste foriĝos de ni, ĉar tro ofte oni promesis aŭ aferojn, kiuj ne ekzistas, aŭ aferojn, kiuj nur povus ekzisti.

Ju pli mi iras antaŭen, des pli mi estas konvinkita, ke la multnombraj paroladoj *por* Esperanto, la sennombraj gazetartikoloj pri internacilingva demando, estas nur malgrava flanko de nia utila agado. La *teoria* problemo de lingvo internacia permesas tiel multe da solvoj, ke estas pli-malpli vana laboro provi unue konvinki per teoriaj argumentoj, ke tiu solvo povas esti nur Esperanto. La fakto ĉiam superas la parolon. Prediko, kiel ajn elokventa kaj brila, por Espe-

ranto havas malpli da praktika utilo, ol vojaĝo per Esperanto aŭ peresperanta parolado pri tute alia temo. Anstataŭ prezenti al la publiko tion, kio okazos kiam la tuta mondo estos nia, kiel oni tro ofte faras, ni montru al ĝi tion, kio okazis kaj okazas.

Anstataŭ provi per unu fojo la konkeradon de tuta urbo al Esperantismo, kio estas praktike neebla eĉ en plej bonaj kondiĉoj ni estu pli modestaj kaj kontentigu nin per varbado de kelkaj personoj, kiujn ni instigos al la uzado de Esperanto kaj por tiel diri vivigos en Esperantujo. La propaganda efiko rezultonta de la agado de tiuj kelkaj personoj vive profitintaj Esperanton kaj Esperantion estos centoble pli granda kaj precipe pli daŭra, ol tiu rezultonta de la plej bela gazetartikolo pri la problemo de lingvo internacia kaj ĝia solvo per Esperanto. Granda iluzio estas la kredo, ke la entreprenoj pri kiuj bruas la gazetaro estas la plej gravaj kaj seriozaj. La plej fortaj, la plej socie utilaj organizaĵoj estas ĝuste tiuj, kiuj faras malplej bruan reklamon kaj pri sia laboro parolas nur kiam ĝi estas efektivigita. La propagando, ni tion ne ĉesu rediri, ne estas memstara agado; ĝi estas *konsekvenco* de la uzado. Nura propagando por Esperanto kondukas al nenio daŭra, se ĝi ne estas apogata sur la uzado. Ni ofte ripetas, ke Esperanto estas vivanta lingvo — kio estas ĝusta. Sed ni ne nur proklamu tiun veraĵon; ni ankaŭ komprenu la konsekvencojn, kiujn ĝi alportas kun si.

Eble oni kulpigos min, ke tro ofte mi insistas pri tiu punkto: la supereco de la uzado sur la simpla propagando, sed mi konfesas, ke por nia tuta movado mi ne vidas pli grandan danĝeron, ol la senmezuran ekskluzivan propagandon kaj tion mi timas, ĉar mi konas ĝiajn rezultatojn. En la momento kiam oni diversflanke agitas la demandon pri plibonigo de nia propagando kaj kreo de novaj propagandaj organizaĵoj, ĉu estos al mi permesite diri: Se vi trovas, ke Esperanto ne progresas sufiĉe rapide, tion kaŭzas ne la fakto, ke via propagando estas malbone aŭ ne sufiĉe organizata, sed ĝi male devenas el tio, ke vi tro multe propagandis Esperanton kaj ne sufiĉe ĝin uzis; vi parolis pri bela estonta palaco, sed vi apenaŭ konstruis ĝian fundamenton. Vi predikis pri la utila rolo, kiun havos Esperantismo por la estonta homaro, kaj vi eĉ ne pensas pri tiu, kiun ĝi povas havi en nia nuna Esperanta homareto. Anstataŭ krei novajn propagandajn organizaĵojn, kiuj devus organizi « grandiozajn » manifestojn, vi donu prefere vian atenton al tio, kio vere estas fruktodona kaj daŭra ĉar ĝi estas la celo de nia tuta movado, la *uzado* de Esperanto. La pure propagandaj grupiĝoj estas tre sufiĉe multaj, se ne tro. Vi plendas, ke la rezultatoj ne estas ankoraŭ kontentigaj; ĉu vi komprenos, ke pli bonajn vi atingos ne per plibonigo de metodo, kiu sole aplikata, estas esence malbona, sed per la metodo, kiu anstataŭ la propagando metos la uzadon je la unua rango de niaj priokupoj kaj laborceloj? »

* *

« Estimata Sinjoro. Mi tre aprobas la celadon de U. E. A., sed antaŭ ol aliĝi al ĝi, mi volas fondi lokan grupon, kiam ĝi estos sufiĉe multenombra, ĝi aliĝos al nia nacia societo, poste al U. E. A. Antaŭ ol fari Esperantianojn, estas ja necese havi Esperantistojn, kaj ni devas unue subteni niajn lokajn kaj naciajn organizaĵojn, k. t. p... »

La supraj vortoj esprimas ne malpli enradikigitan eraron, cetere proksime ligitan kun la antaŭa. Efektive, tro multe da niaj samideanoj konsideras Esperantismon el loka aŭ nacia vidpunkto. Ilia horizonto ne celas trans la limoj de ilia urbo aŭ maksimume de ilia lando. Nu, konvenas ĝin ripeti, kvankam eĉ la simpla cito de tiu vero ŝajnos nenecesa, Esperanto estas antaŭ ĉio *internacia* afero; ĝia celo, nuna kaj estonta, estas faciligi la interpopolajn rilatojn. Multaj tion tute forgesas kaj konsideras kiel ĉefan aferon la propagandon de Esperanto en sia loko; ĝia internacia uzado venos poste... se ĝi venos. Ili ne atentas, ke dek personoj vivantaj en dek diverslandaj urboj kaj interrilatantaj per Esperanto, estas multe pli utilaj ol grupo de cent aŭ du cent personoj en unu urbo, uzantaj... sian nacian lingvon por paroli pri Esperanto, kiel mi ofte konstatis. Ju pli grandiĝos la nombro de la personoj internacie uzantaj Esperanton, des pli forta estos nia movado; male, granda nombro de Esperantistoj neaktivaj, kiel neeviteble okazas kiam oni celas antaŭ ĉio la formiĝon de grandaj grupoj, estas nur kaŭzo de malforteco. Oni ne devas krei Esperantiston kaj poste Esperantianon, sed samtempe instrui iun pri la lingvo kaj pri la maniero en kiu ĝi povas utili al li, ĉar kial li lernus lingvon se ne por ĝin uzi. Nur poste, kiam li uzos nian lingvon, li mem vidos, ĉu ĝi estas propagandinda aŭ ne, kaj tiam li povos *konscie* aliĝi propagandan lokan kaj nacian organizaĵon. Male, nun, oni provas transformi en propagandistojn ĉiujn Esperanto-lernantojn kaj kompreneble ĉar ĉi tiuj ne ankoraŭ spertis mem la utilecon de Esperanto, la rezultato estas plej ofte malbona. La plej bona propagandisto estas tiu, kiu fariĝis tia post sperto, post konatiĝo kun Esperantujo. Ĝuste tial la partopreno en internacia organizaĵo ne estas flanka kaj duagrada, kiel opinias kelkaj, sed ĉefa; nur per tio ni fakte pruvas la propragandindecon de Esperanto. Do, eraras kiu asertas, ke nova Esperantisto devas antaŭ ĉio aliĝi lokan organizaĵon kaj nur poste Esperantion. Kontraŭe, la logiko montras, ke lernanto unue devas aliĝi al U. E. A., ĉar per ĝi li uzas Esperanton kaj partoprenas en la vivado de Esperantujo; li konstatas, ĉu vere Esperanto estas taŭga kaj utila; se la eksperimentoj de li faritaj estas favoraj, tiam li mem komprenos la necesecon propagandi Esperanton kaj li sin envicigos en la grupiĝojn speciale kreitajn por tio.

Ni unue montru al niaj varbitoj, ke Esperanto ekzistas kiel *internacia* komunikilo; poste ili sin okupos pri ĝia propagando en sia loko kun tiom pli da fervoro kaj inteligento, ke ili mem estos spertintaj, ke Esperanto ne plu estas problemo de lingvistiko, sed realaĵo vivanta. Internacia organizo ne estas la kronado de la loka kaj landa organizo, sed tiuj ĉi lastaj estas diversaj gradoj de la internacia organizo — diferenco, kiu havas pli ol teoriajn konsekvencojn...

* *

Antaŭ niaj Kongresoj, multaj samideanoj ĵetas rigardon al la estonteco kaj, trovante tro longa nian iradon, ellaboras plej diversajn projektojn por ĝin akceli. Sed ellabori projektojn sen ia kondukanta metodo, sen ĝusta kompreno pri la necesa organizo de nia movado, produktas nur empiriajn, provizorajn, mezajn solvojn. La sola amo al Esperanto ne sufiĉas por nin gardi de danĝeroj. Estas necese vidi klare. Tio evitos al ni enfali en tiujn du parencajn erarojn: propagando estas pli grava ol uzado; loka aŭ landa agado estas la necesa bazo por internacia agado. Ĝuste nun, ne estas superflue ripeti kun ĉiam pli da forto: Esperantismo sin trudos antaŭ ĉio per *praktika internacia agado*. Ni ne lasu nin forlogi de aliaj priokupoj aŭ kombinoj.

H. HODLER.

## Al niaj Abonantoj

**Ni petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri finiĝo de sia abono dum tiu monato, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 2 Sm. (luksa eldono: 2,50 Sm.)**
**La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.**

# SOCIA VIVO

GEOGRAFIO

## La Aŭstralianoj konstruas ĉefurbon

Tre malofte okazas la neceso, ke oni devas komenci la konstruadon de ĉefurbo sur tute neloĝata spaco, sed tio-ĉi estas la tasko kiun la registaro de Aŭstralio difinis por si mem.

Urbetoj, urboj aŭ ĉefurboj ordinare kreskas grade laŭ la cirkonstancoj sed ĉi-tiu projekto estas preskaŭ unika ĉar la Aŭstralianoj intencas konstrui ĉefurbon, kiu estos eble la plej moderna kaj plej bela en la mondo kaj servos kiel sidloko de la registaro de ilia granda lando, kiu kiel oni scias, havas grandecon de pli ol tri kvaronoj de tuta Eŭropo.

Antaŭ kelkaj jaroj Aŭstralio konsistis el kvin apartaj kontinentaj ŝtatoj kaj la insula ŝtato de Tasmanio, sed en 1901 la voĉdonoj de la popolo starigis la Federacion de Aŭstralio (nomata « Commonwealth of Aŭstralia ») kaj sekvis la formiĝo de centra registaro kun difinitaj povoj por konduki la aferojn de la nacio.

Dum dek jaroj la Parlamento de la « Commonwealth » kunvenis en Melbourno la plej granda urbo en la ŝtato de Victoria sed nun estas pensata ke la « Commonwealth » devus havi sian propran ĉefurbon kaj la konstruado estas komencota kiel eble plej baldaŭ. La loko elektita por la ĉefurbo estas apud Yass-Canberra en la ŝtato New South Wales kaj estas parto de la Federala Teritorio, kiu havas grandecon da 900 kvadrataj mejloj. Nune la loko de la estonta ĉefurbo havas nek domon nek loĝanton sed la espero estas ke, post kelkaj jaroj, estos tie, kiel mi diris, unu el la plej modernaj kaj plej belegaj urboj de la mondo.

Por havigi la plej novajn kaj bonajn ideojn la registaro organizas konkurson pri la plej bonaj planoj por la konstruo de la ĉefurbo.

La unua premio, por la plej bona plano, estos 17.500 Sm.; la dua 7.500 Sm.; la tria 5.000 Sm.

La informoj por la gvidado de la konkurantoj estas riceveblaj senpage ĉe la jenaj lokoj: En Aŭstralio ĉe la « Departement of Home Affairs » Melburno kaj la Departementoj de publikaj laboroj en ĉiu ŝtato. En Nov-Zelando ĉe la « Public Works Dept. Wellington » ; en Kanado ĉe « Public Works Dept. Ottawa » ; en Sud-Afriko ĉe « Public Works, Dept. en Pretoria kaj Cape Town ; en Londono ĉe « The Office of the High Commissioner of Aŭstralia » kaj ĉe la Britaj Ambasadorejoj en Parizo, Berlino, Washington, ĉe la Britaj Konsulejoj en Nov-Jorko kaj Chicago.

La konkurantoj devas pruvi sian fidindecon kaj tiam povos ricevi la jenajn detalojn :

(1) Historiajn notojn, kondiĉojn de la konkurso, informon ĝeneralan, priskribojn kaj statistikojn pri meteorologio kaj klimato ; (2) Landkarton montrantan la konturan termezuron de la ĉirkaŭ lando ; (3) Landkarton montrantan konturan termezuron de la loko de la urbo ; (4) Topografian landkarton montrantan la tutan Federalan Teritorion (ĉirkaŭ 900 kvadrataj mejloj) ; (5) Landkarton de la ŝtato « New South Wales » ; (6) Landkarton de la sud-orienta parto de la ŝtato « New South Wales » ; (7) Geologian karton de la loko de la ĉefurbo, kaj raporton ; (8) Karton montrantan pluvajn kaj temperaturajn statistikojn ; (9) Raporton de la Meteorologo de Aŭstralio pri la klimato de la distrikto ; (10) Bildon panoraman.

La planoj devas atingi la Sekretarion de la « Department of Home Affairs, Melburno » antaŭ la 31-a de januaro 1912. Ni esperas, ke la Delegitoj de U. E. A. bonvolos konigi tiun gravan informon al la pri tio interesеblaj personoj de sia urbo.

G. Whiteford, Del. Melbourne.

HISTORIO

## La politikaj balotoj en Aŭstrio

La Aŭstria imperio estas tre stranga lando ; en ĝi malpace kunvivas ok nacioj, parolantaj ok malsamajn lingvojn ; inter tiuj ĉi lingvanoj regas ĉiam bataloj por rajtigi la propran lingvon kaj forigi la aliajn. La kunvivantaj nacioj estas germana, bohema (ĉeĥoj), kroata, rutena, pola, rumana, slovena kaj itala. Antaŭ 1907 la deputitĉambro estis starigita per deputatoj balotitaj je privilegiaj kurioj (korpusoj) nome, estis elektitaj de tiuj, kiuj pagis iajn limimpostojn, plue estis speciala kurio je kiu voĉdonis ĉiuj eĉ tiuj, kiuj pagis neniun imposton. Okaze de la starigo de la unua rusa Dumo kaj okaze ke la hungara regno, kunigita al aŭstria ŝtato postulis ĝeneralan voĉdonon, la socialista partio en Aŭstrio ekkomencis batalon kiu finiĝis nur per la venko havigi al la ŝtanoj ĝeneralan, rektan, egalan kaj sekretan voĉdonrajton por la politikaj balotadoj de la deputatoj al la parlamento. Sekve de la ĝeneraleco de la aŭstrianoj kiuj, ĉiuj kune postulis tiun ĉi rajton, la Ŝtatestraro konsentis ke la venontaj balotoj estu farotaj per ĝeneralaj, egalaj, rektaj kaj sekretaj voĉdonoj.

Antaŭ tiu ĉi nova sistemo en la parlamento sidis reprezentantoj de la malsamaj lingvonaciaj partioj, batalintaj inter si nur pri lingvaj aferoj, ne zorgante pri la ŝtatanaj interesoj ; la ŝtatanoj esperis, ke per la balotoj de 1907 la parlamento estos anstataŭata per granda ŝanĝo kaj tiel ankaŭ estis. La balotoj de la jaro 1907 por la starigo de la deputatĉambro estis jena : 108 germanoj (naciuloj, radikalaj, progresemaj, k. t. p.) ; 14 italoj (liberalaj, klerikalaj) ; 71 poloj kaj popolaj poloj : 5 rumenoj ; 29 rutenoj ; 37 slovenoj kaj kroatoj liberalaj, klerikalaj, k. t. p.) ; 71 ĉeĥoj (liberalaj, klerikalaj, terkulturaj, k. t. p.) ; 88 internaciaj socialistoj ; 9 naciaj socialistoj ; 96 socialaj kristanoj ; 4 hebreoj kaj 11 senpartianoj. El tiu ĉi ekspozicio de la diversaj partioj oni ekpensis, ke la naciaj bataloj estos forigataj kaj ke la parlamento, per novaj demokratiaj fortoj tre bone funkcios.

Malgraŭ ke la socialistoj kune kun aliaj demokrataj partioj proponis reformojn por la tuta ŝtatanaro speciale por la laborista klaso kaj el tiuj proponoj multaj estis eĉ akceptitaj, la naciaj bataloj kreskadis des pli forte en kaj el la parlamento, kiu antaŭ la regula tempo, pro neebligo funkciadi, devis esti fermita kaj la deputatĉambro dissolvita.

Dum la 13 de junio, de tiu ĉi jaro, okazis la tutaŭstria voĉdonado kaj la 20 de la sama monato la balotado de la deputotoj ; la sukceso de tiuj ĉi balotadoj estas proksimume jena : 107 deputatoj germanaj (naciaj, terkulturaj, progresemaj, radikalaj, klerikalaj, k. a.) ; 16 italaj (liberalaj kaj klerikalaj) ; 32 polaj ; 5 rumenaj ; 5 rutenaj ; 52 kroataj kaj slovenaj (liberalaj kaj klerikalaj) ; 82 ĉeĥoj (naciaj, terkulturaj radikalaj, naciaj socialistoj, klerikalaj) ; 80 internaciaj socialistoj ; 76 socialaj kristanoj ; 1 hebreo kaj 5 senpartianoj. Kiel oni povas vidi la nova deputatĉambro estas preskaŭ la sama kiel antaŭe kaj nenion oni povas esperi el ĝi. La nacia batalado daŭros kaj la voĉdonintoj atendos... la venontajn balotojn.

Aŭstrio, lando tiel malsimpla pro la diverseco de la lingvoj povus vivi en bona konsento, envicigante unu lingvon : la internacian *Esperanto*. Ĉe ni tiu bezono estas tre urĝa ; anstataŭ batali per kiu lingvo oni devas antaŭenigi la parlamentan laboron, ĉu ne estus pli bone enkonduki nian belan *Esperanto*, kiu ĉie estas simbolo de paco, frateco kaj konsento ?

V. Pohusta (Del. Triesto).

## Grava balotistina Procesio en Londono

Grandioza kaj tre rimarkinda procesio havis lokon en Londono la 17-an de junio. La organizantinoj lerte kaptis la okazon, ĉar pro la preparoj por la kronfesto Londono nuntempe portas festonan veston. La procesio estis efektive frapanta manifestado de la forto de la balotistina movado. Oni kalkulis ke en ĝi marŝis ĉirkaŭ 40.000 virinoj. La tuta procesio prezentis brilegan spektaklon, kun siaj amasoj da floroj, standardoj, flagetoj, koloritaj girlandoj kaj flirtantaj rubandoj. La kolorefektoj ja estis ĉarmaj. Tie ĉi mi vidis grupojn de malliberulinoj, la martirinoj de la balotistina afero ; tie estis prezentataj virinoj gloraj en la historio, kiel ekzemple Reĝino Elizabeto kaj Jeanne d'Arc.

Unu ĉefa trajto de la procesio estis ĝia reprezenta karaktero. En ĝi partoprenis ne nur virinoj de la plej alta rango de klereco, reprezentantinoj de la scienco, medicino kaj la artoj, sed ankaŭ granda nombro da industriaj laboristinoj. Ĝi reprezentis ne unu partion, sed la tutan virinaron de Britujo ; ne nur la bataleman sekcion, sed ankaŭ ĉiujn konservativajn kaj ekleziajn partiojn. De tio, oni povas juĝi kiel vasta nun estas la intereso en la afero. Cetere, la procesio mem estis modelo de bonordo kaj mirindaĵo de bona organizo.

Ĉiu, kiu scias ion pri la disvolviĝo de la virina movado en Britujo konstatis kun admiro la unuanimecon de la diversaj partioj unuigitaj por la komuna celo gajni por la virinoj la rajton voti ĉe la parlamentaj elektoj. La demando, kiu antaŭ ses jaroj, estis pure « akademia » jam fariĝis praktika politiko kaj aktualaĵo, pro la aktiveco de la tiel-nomataj « militantinoj ». Tiuj ĉi en la lastaj jaroj komencis specialan agitadon per militiro kontraŭ kabinetaj ministroj. Centoj da virinoj pro siaj militantaj taktikoj en la interrompo de publikaj kunvenoj ĉe kiuj parolis kabinet-ministroj, suferis malliberiĝon. Tiuj ĉi taktikoj ne plaĉis al ĉiuj, sed almenaŭ ili estis ŝajne bonega propagando. La afero por kiu ili batalis estas nun jam preskaŭ gajnita, ĉar en la lasta tempo en la enkonduko de la Leĝpropono nomata la « Conciliation Bill », tiu projektita leĝo estis aprobita kun plimulto de 167 voĉoj. La esenco de tiu ĉi projekto estas, ke ĝi derompas la baron de sekso, neniel ŝanĝante la ekzistantan elektorajton. Se ĝi estos fine akceptita, ĉiu *homo*, ĉu viro aŭ virino, havanta la necesan kvalifikon — t. e., kiu pagas almenaŭ 100 Sm. jare por loĝejo — havos egalan rajton voti. Oni komputas ke la nombro de virinoj kiuj tiel ricevos la votrajton estos almenaŭ miliono. (Kompreneble, edzinoj povos voti nur se la loĝejo estas tenata en siaj propraj nomoj). Plue la kabineto definitive promesis difini unu semajnon por obligi ke la leĝprojekto trairu la necesajn stadiojn por fariĝi leĝo. Oni do baldaŭ vidos, kiel Britujo inter la ĉefaj Eŭropaj nacioj kondukas la vojon al la emancipo de l'virinoj.

P. J. Cameron (Londono).

INDUSTRIO

## La Lanaja Ŝpinindustrio en Anglujo

Pro la leĝoj malpermesantaj la laborigadon de gejunuloj ekzistas nuntempe granda manko de gejunuloj kaj laboristinoj tra la tuta lana industrio ; la ĉefcentro de la lanaj fabrikejoj estas « Yorkshire », kaj la distrikto ĉirkaŭe « Bradford », « Leeds » kaj « Halifax » estas dense surkonstruita de fabrikejoj. La leĝoj altigis la aĝon de la laborpersonoj de 10 jaroj duontempe kaj 13 jaroj plentempe al 12 duontempe kaj 14 plentempe (la duontempuloj laboras dum duono da tago kaj ĉeestas la lernejon dum la alia duono). Kelkaj detaloj pri la vivado kaj malabundeco de laboristinoj eble interesos niajn legantojn, kaj eĉ kelkaj ŝatus enmigri kaj fondi novan epokon en la estonta historio de laboro. Kie laboras la skribanto, mankas sep dek virinoj, kaj estas tute simile en aliaj fabrikejoj. Oni anoncas tra Granda Britujo por trovi laboristinojn, sed vane. La servistinoj forlasadas la maŝtrum servadon kaj, preferante la mallongajn horojn kaj pli grandan liberecon de la fabrikejo, igis grandan malsufiĉecon en la hejmoj de tiuj ĉi malfeliĉaj homoj, kiuj bezonas alian personon por fari la servojn ; jen kio allogis la laboristinojn al la fabrikejoj.

La laboro estas malpeza, konsistante pleje el la ligo aŭ alligo de la lano-fadenoj kiam ili rompiĝas pasante tra la maŝinoj. La horoj de laboro estas 55 ĉiusemajne, dek ĉiutage, esceptante sabaton, kiam oni laboras ĝis la dek dua kaj ripozas ĝis la sesa de lunda mateno. La pago ne estas tro granda, sed la knabinoj estas bonvestataj kaj respektindaj, kaj la laboro estas regula, eĉ monotona en la reguleco. La vivkostoj estas malaltaj ; la dekokjarulino ricevanta 5.5 Sm. ĉiusemajne, pagas por loĝejo, nutrado kaj ĉiuj necesaĵoj (krom vestaĵoj) 3.5 Sm., tial du spesmilojn oni povas konservi por la ŝparkaso, aĉeto de vestaĵoj, kotizaĵoj por U. E. A. (? la red.), amuzoj ktp. La grado de la vivado estas super la vivmaniero de kontinentaj samranguloj, kaj la plejmulto el la laboristinoj estas iom kulturataj, precipe en la vilaĝoj. La labormetodoj estas facile lerneblaj, kaj la kamparo estas belega, monta kaj saniga. Ĝia natura beleco estas komparita kun la famaj vidindejoj de la mondo. La socia vivo estas gastema kaj vigla kaj donas bonegan ŝancon al tiuj, kiuj deziras lerni la anglan lingvon aŭ alpreni Anglujon kiel hejmlandon. Mi nun opinias : « se la anglaj firmoj sendadas siajn produktaĵojn en aliajn landojn, certe la fremdulo ankaŭ havas rajton labori en Anglujo » ; « Kapitalo estas internacia, laboro ankaŭ estos internacia ».

La firmo korespondas kun preskaŭ ĉiuj landoj, kaj mi deziras, ke ni konvinku ĝin kaj igu ĝin Esperantia Entrepreno; se vi deziras sukceson al esperanta lingvo, kaj intencas labori en Anglujo, skribu al la firmo J. J. Calvert, Wainstalls, Halifax ; ni havigos hejmon al ĉiuj esperantaj virinoj, kiuj deziras veni.

Ges-oj Hoyle, Wainstalls, Halifax.

IDEOJ & FAKTOJ

## La senfadena telegrafado por la antaŭvido de l'vetero

Oni scias, ke de unu jaro la posteno de senfadena telegrafado de la Eifelturo en Parizo ĉiutage je 11 h. matene konigas la horon ekzaktan en Parizo al la teraj stacioj kaj al la ŝipoj havantaj enregistrigajn aparatojn. Oni volis fari pli multe kaj oni demandis, ĉu per meteorologiaj observoj farataj sur la ŝipoj kaj transsendataj Eŭropon per la senfadena telegrafado, oni ne povus ĉiumomente koni la staton de l'atmosfero sur la Atlantika Oceano. Jam nun Gibraltar sendas tiel siajn observojn al Londono. La antaŭvido de l'vetero en okcidenta Eŭropo estus tiam multe pli facila kaj povus esti farata longe antaŭe. Laŭ raporto de S-ro Darbon ĉe la kunveno de l'centra oficejo meteorologia, tio, principe simpla, ne estus facile realigebla. La plej grava malhelpo estas la nesufiĉa efiko de la radiotelegrafaj aparatoj uzataj sur la ŝipoj ; efektive, malofte ilia efiko superas 300 kilometrojn en favoraj atmosferaj kondiĉoj. Tiu distanco estas tro nesufiĉa por ke meteorologiaj depeŝoj estu vere utilaj, krom en tute esceptaj okazoj.

Por ke depeŝo ekspedita de pli malproksime atingu Eŭropon, estas necese, ke en la efikspaco de la sendanta ŝipo estu alia ŝipo, kiu ricevas la depeŝon kaj ĝin reekspedas, ktp. de ŝipo al ŝipo. Tial, la daŭro de la transsendado multe kreskas kaj la ŝancoj ke la depeŝo atingos ĝustatempe la adresaton multe pli malmultiĝas. La eksperimento estis dufoje

provita de la meteorologiaj servoj de Britujo kaj Francujo dum du sinsekvaj monatoj. La rezultato estis jena : en du monatoj oni ricevis 1141 telegramojn de ŝipoj farintaj observojn inter 10° kaj 30° de okcidenta longitudo ; 5 0/0 de la depeŝoj alvenis en malpli ol du horoj ; 17 0/0 inter du kaj dudek-kvar horoj ; 23 0/0 inter dudek-kvar kaj kvardek-ok horoj ; 55 0/0 post pli ol du tagoj.

Sekve, nur la kvarono de la depeŝoj estus ricevita sufiĉe frue por esti vere utilaj. Gis nun oni ne povas citi unu okazon, kiu pruvas la tujan utilecon de tiuj depeŝoj por la antaŭvido de l'vetero. Tamen, kun la plirapidiĝo de la transsendoj, tiu servo pliboniĝos. Oni povas esperi, ke en proksima estonteco tiu mirinda komunikilo permesos plibonigi la kondiĉojn por la antaŭvido de l'vetero kaj anonci al la malproksimaj navigantoj la atmosferajn kondiĉojn, kiujn ili renkontos sur sia vojo.

J. G.

---

## Rilate al la Monda Petskribo por la paco

(*Respondo de F-ino A. B. Eckstein*) (1)

Vi estis tiel afabla sendi al mi artikolon « Ideoj kaj Faktoj. Rilate al la Monda Petskribo por la paco » de S-ro D. Jwansky, kaj vi bonvolis transdoni mian respondon, kiun vi kredas utila, al la estimata Esperanto-gazeto. Koran dankon ! Sed pri la utileco de tiu-ĉi respondo mi nur parte konsentas. La tempo estas valora. Oni jam multe pli polemikas ol transformas bonajn ideojn per diligenta laboro en faktojn. Mi preferas harmonian interkonsenton inter ambaŭ, pro tio mi nuntempe preferas unuavice konkretan laboron. Al tio nun apartenas koncerne miajn personajn laborojn, ankaŭ la provoj aliformigi Saŭlon, ĉe kiu oni ne de komenco estas certa je malsukceso, en Paŭlon, rilate al la opinio pri « Tutmonda petskribo por evito de l'milito inter la ŝtatoj ». Kaj ĉar mi trovas, en la artikolo de S-ro D. J. pensojn, el kiuj mi konkludas, ke li ne apartenas al tiuj, ĉe kiuj oni estas certa malsukcesi, mi permesas al mi, diri au demandi la sekvantan :

Defendante sian opinion S-ro D. J. sin apogas je frazo, antaŭ nelonge dirita de S-ro Bethmann-Hollweg en la parlamento : « Kiu pripensos la demandon de ĝenerala internacia malarmo serioze, kiu pripensos ĉiujn ĝiajn sekvojn, tiu devas veni kiel mi, al la konvinko, ke tiel longe dum homoj estas homoj kaj ŝtatoj, ŝtatoj, ĝi estas nesolvebla ». S-ro D. J. finante sian artikolon diras : « Ni energie kaj senlace disvastigu ideojn, kiuj ilin (la popolojn) kunigas, kaj momento venos, kiam la demando pri malarmado fariĝos solvebla ». Do S-ro D. J. tamen kredas, ke venos la momento, kiam homoj ne plu estos homoj kaj ŝtatoj ne plu ŝtatoj. Kaj kio tiam estos fariĝinta el homoj kaj ŝtatoj ? Sed — tio ankoraŭ estas pli grava — ĉu progresos la grandega, en tia amplekso en la homara historio ankoraŭ ne ekzistinta *detruo de ekonomiaj valoroj*, kiun kaŭzas la moderna militpretigo, kaj kiu pligrandiĝos ĉiujare ĝis la tiama momento ? Ĉu daŭros la konsekvencoj de tiu valordetruo, t. e. la ĉiam kreskanta prezaltigo de nutrajoj kaj de ĉio, kio estas necesa por vivtenado, akordiĝanta al la kulturprogreso kaj al nia homindeco. Ĉu kreskos ankoraŭ la manko de l'laboro, kiu havas siajn oferojn ne nur ĉe la laboristoj, sed ankaŭ en la rondoj de oficistoj, sciencistoj kaj artistoj, ĉu restos ankaŭ la financa mizero, kiu kaŭzas ĉiam denove financajn reformojn en la regnoj, same kiel la tuta materia kaj morala mizero, pri kiuj emocias nin ĉiutage la gazetoj, ĉu ĝi kreskos kaj daŭros kiel en la lastaj jardekoj ĝis kiam venos tiu momento ?

Mi rekomendas la artikolon « Regnoj kaj militoj » de la eminenta juristo P-ro D-ro J. Kohler, de la Berlin universitato, aperinta en « Berliner Tageblatt » la 14-an de majo 1911, kiel respondo al la citita konvinko en la artikolo de S-ro D. J., kiu sin apogas je la vortoj de S-ro von Bethmann-Hollweg. En tio diras tiu klere kaj fundamente pensanta aŭtoritatulo : « Oni citas la analogiajojn de la historio, sed ni havas novan historion, kiu superas ĉiujn autaŭajn analogiajojn ». Ĉar oni konfuzas la internacian petskribon por la evito de l'milito kun la forigo de la armadoj kaj ankaŭ tial, ke oni tro supraje kaj kun antaŭjuĝo legis la proponon de la internacia petskribo, oni ne diferencigas inter la forigo de militpreteco kaj la malpliigo de la armadoj ; ĝi tute ne parolas pri la forigo de la militistaro, nur de tute estonta, ĉe la sojlo de « tria regno » (por uzi esprimon de Ibsen) kuŝanta celo de nia kulturo. Oni proponas nur laŭvolan interkonsenton de ĉiuj regnoj, kiu certigas la vivinteresojn, forigas la militeblecon el la internacia vivo kaj tute logike unue aspiras komunan halton de l'armado, plie malrapide progresantan plimalmultigon de la armadoj kaj per tio atingos plibonigon de la ekonomia kaj politika situacio kaj de la moralo de la popoloj. Devos fariĝi fakto tiu unua paŝo, kiu per interna neceseco kaŭzos malpliigon de la armado estonta kaj progresonta, kiu neniel malhelpos la progreson kaj certecon de iu regno la unua pozitiva paŝo sur la vojo al armad-malpliigo. Tio estas la esenco kaj celo de la internacia petskribo. La primitivaj celoj, kiujn ĝi atingas ĉiutage, estas : aliformigi la ankoraŭ multe ekzistantan indiferentecon kaj la dubojn pri la grandaj problemoj de nia tempo en seriozan kaj viglan intereson kaj eduki ĉe la anoj de la diversaj regnoj la firman bonan volon, *spite* la multaj baroj, kiuj ekzistas inter la regnoj kaj ankoraŭ dum longa tempo ne estos forigeblaj, ke ili ĉiuj helpu al tiu interkonsento dum la proksima pac-kongreso en Haag 1914 aŭ 1919. Tia interkonsento ja *povos* okazi, malgraŭ la baroj kaj ĝi estos grandega profito kaj beno por ni.

Elparoli la propran, kunsekvantan volon en tiu demando, tio estas privilegio nuntempe. Kiam la plejmulto da regnoj ne plu estas aŭtokratia, sed konstitucia, devo ĝi estas de ĉiuj viroj kaj virinoj kaj ankaŭ de tiuj, ŝajnas al mi kontraŭ la opinio de S-ro D. J., kiuj energie kaj senĉese batalas (aŭ devas batali) kontraŭ la ŝovinismo kaj ĉiu ajn speco de « ismo », kiu akcelas au ebligas la militon, kiuj batalas kontraŭ ĉio kio disigas la popolojn, kiuj disvastigas senĉese kaj energie ideojn, kiuj kunigas ilin. Kial la tiamaniere laborantaj ne devas subskribi la tutmondan petskribon ? Kial ili ne devas kunlabori, por ke estu atingata la celo ? Eble ĉar unu afero povus malhelpi la alian ? La ĝisnuna sperto pri la tutmonda petskribo pruvas la malon ! Se por la Haagaj pac-konferencoj oni jam estus konsiderinta popolan reprezentantaron kiel en la naciaj parlamentoj, la volo de la popoloj ja efektiviĝus pere de ĝiaj reprezentantoj dum la komunaj konsilkunvenoj de la 44 registaroj subskribintaj la Haagan interkonsenton. Sed ĉar la popola reprezentantaro en tiuj internaciaj kunvenoj de registaraj delegitoj nun ankoraŭ mankas, restas por la anoj de la 44 regnoj sole la ebleco, ĉar esti tute senrajtaj en la okazo, kiam oni decidas pri ilia sorto, pri la sorto de la koncernaj regnoj, ili ne volas montri sian volon en formo de petskribo. Kiu facilanime aŭ dormante preterlasos la okazon doni sian voĉon en Haag, aŭ kiu malkontente ĝin preterlasas, ĉar li ne tuj povas atingi senarmadon, tiam ne plendu, ke la rezultatoj en la venontaj konferencoj por li estas seniluziigaj, li ja mem parte estas kulpa. Ofte oni mallaŭdis, ke la du unuaj Haagaj pac-konferencoj ne plenumis la deziratajn rezultatojn. Sed, gesinjoroj kritikantoj, mi deziras demandi, kiom da laboro do *vi* faris, por ke plenumiĝu ĉio, kion vi atendis ? Ĉu vi multe zorgis pri la preparado de l'programoj de la unua aŭ de la dua pac-konferenco ? Ne diru, « oni do ne estus aŭdinta min,

---

(1) Vidu ESPERANTO, Noj 98 kaj 101

oni ankaŭ ne agos laŭ la petskriboj », ĉar tiam vi eraras. Do detale pripensu la manieron en kiu okazis la du Haagaj pac-konferencoj kaj tiam vi juĝu. Ke la tiamaj manifestadoj, faritaj de la diversaj nacioj ne efikis pli bonajn rezultatojn, tion kaŭzis la fakto, ke nur tre malmultaj ili estis, kiuj partoprenis en tiuj-ĉi manifestacioj.

Petskriboj povas esti tre diversspecaj. Diversspecaj same tiel laŭ kvanto kiel laŭ kvalito de ĝiaj subskriboj. Se oni povus transdoni al la venonta Haaga pac-konferenco petskribon, kies subskriboj reprezentas la plimulton de la popoloj el 44 koncernaj nacioj kaj ĉiu subskribo estas donita pro fidela vigla intereso kaj en decido celkonscia — kaj ĝis nun ĉio konjektigas, ke tio povas okazi — oni do pli bone sen antaŭjuĝo atendu (por ke oni ne malhelpu al la homaro) kion faros la 3-a Haaga pac-konferenco rilate la petskribon, sed antaŭe oni ne provu konvinki siajn konatojn pri la neĝusteco de la elektita vojo, oni pli bone subskribu la petskribon por la evito de l'milito interregna, kaj oni rondirigu ĝin en la familio kaj inter la konataro, en societoj, ĉe gazetistoj kaj ĉie ajn, kie folio de la tutmonda petskribo povus esti la komenciĝo de novaj rondoj de subskribontoj kaj kunlaborontoj, oni uzu sian tutan influon, por ke en la venonta pac-konferenco la nombro de subskriboj el la hejmlando de ĉiuj reprezentu la plej grandan plimulton de la plenaĝa popolaro kaj ke tiu-ĉi nombro proporcie ne estu malpli granda ol tiu de aliaj landoj. En la pac-kongreso 1907 en New-York arangita de S-ro Carnegie, mi aŭdis de la eminenta politikulo Elihu Root la nedisputeblan veron : « En la nunaj ŝtataj formoj la registaroj en neniu direkto povas pli rapide antaŭen iri ol tion ebligas la publika opinio, ebligante por ili la vojon ». Mi aldonas : « La internacia ordo estas tia, kia ĝi devas esti laŭ la indeco de la volo de l'popoloj ».

Ĉu mi ne povas esperi, ke ankaŭ S-ro D. J., subskribos la tutmondan petskribon kaj ke li ankaŭ instigos multajn aliajn agi same ? Ne malofte okazas, ke unu persono centojn, ja milojn da subskriboj povas sendi por la mond-petskribo. Juna gazetisto en London certigis al mi antaŭ kelkaj monatoj, ke li sole varbos milionon da subskriboj. Kion li povas, ĉu eble S-ro D. J. tion nun ankaŭ faros? De li ĉiu subskribo farus duoblan ĝojon kaj la homaro havus duoblan kaŭzon, esperi, ke la volo de la popoloj de la nuna epoko estas inda ricevi internacian ordon, kiu malebligos la militon.

Anna B. Eckstein.

## Pri la eksterajo de la leteroj

La malplimulto el tiuj, kiuj forsendas leterojn per la poŝto konscias klare, kiun gravan rolon ludas la formato kaj cetera eksterajo de ekspedotaj leteroj rilate la perpoŝtan praktikadon, kaj kiom ili povas plifaciligi aŭ malplifaciligi ĝin. Unue la formato. Plej oportune estus por la poŝto kaj plej celtrafe por rapida plenumo de la interŝanĝo, se la leteroj havus plej eble egalan formaton : ĉar tiel oni povus ilin plej rapide kolekti, stampi, envicigi kaj kunpaki egalmaniere. Rilate la negocajn leterojn fakte jam iom enradikiĝis la kutimo uzi egalformajn kovertojn ; sed malbone statas la afero koncerne la privatajn leterojn, kion facile oni povas konstati rigardante la elmontrajojn en paperista vendejo. Jen oni havas la modojn kvazaŭ por vestajoj, ĉapeloj k.t.p. Multe da forsendantoj eĉ sentas apartan plezuron uzi kovertojn de plej neordinara formato. Plej grave ĝenas la poŝton la malgrandegaj kovertoj, ĉar etajn leteretojn, eble de amplekso de fervoja bileto, ne sen speciala peno kaj atento povas ekkapti kaj manteni la poŝtoficisto devigita labori rapide ; malfacile ili estas envicigeblaj en la leterpakojn kaj ne adaptiĝas al la stampmaŝinoj, uzeblaj nur por ordinaraj formatoj. Krom tio la adresoj kompreneble estas des pli malklaraj, ju pli malgrandaj estas la leteroj. Fine ili nur parte povas esti tuŝataj de la stampilo. Cetere tiom malgrandaj leteroj konstante estas en danĝero enŝoviĝi en presajojn kaj tiamaniere perdiĝi. Ĉi tiun danĝeron serioze konsideru la sinjorinoj kiel ĉefamantinoj de tiaj porpupaj leterformatoj ; ĉar ofte ili sentus ĉagrenegon, se la konfiditaj al la papero sekretoj atingus necelitajn manojn. Pro komuna profito de la forsendantoj kaj de la perpoŝta praktikado konsilinde estas entute ne uzi tre malgrandajn kovertojn. Same ne estas praktike enpaki leterojn en rondajn, ovalajn, triangulajn aŭ aliajn iel strange formitajn kovertojn. Ke efektive tiaj malnormajoj multe ĝenas la poŝton, ni povas konkludi el tio, ke ĝi entute ne allasas triangulajn kovertojn. Same kiel la formato, tiel ankaŭ ne estas indiferente por la poŝto, kie la adresanto surgluas la markon. La interkompreniĝon de geamantoj per diversloka surgluo de l'poŝtmarkoj ĝi certe malŝatas. Se la markoj estas gluataj jen tie ĉi, jen tie sur la koverto, aŭ estas eĉ serĉotaj sur la dorsa flanko, la stampado ne bone funkciadas kaj ne aplikeblaj estas la stampmaŝinoj. Pro tio necese estas, ke la marko ĉe ĉiuj letersendajoj ĉiam troviĝu sur la sama loko, nome en la supra dekstra angulo de la poradresa flanko.

Cetere tio jam estas ordonita de la poŝta regularo, kaj sekve la poŝto havas la rajton malakcepti ĉiujn leterojn, ĉe kiuj la marko aliloke estas surgluata. Ĉiuokaze estas bagatelo por ĉiu adresanto surglui la markon je la ĝusta loko. Negocistoj (kiuj sen tio presigas la firmon sur la kovertoj) instigitaj de proponoj faritaj ĝiatempe en konferenco okazinta inter la imperia germana poŝtadministracio kaj reprezentantoj de la komercaj profesioj, decidis presigi en la supra dekstra angulo kvadratan kadron, admonantan ĉiuokaze, ke oni surgluu la markon en la ĝusta loko. Estas nur dezirinde, ke oni sekvu tiun ekzemplon, plej ĝenerale.

Ankoraŭ pri unu punkto la forsendantoj de leteroj estas atentigotaj. Multfoje la adreso ne estas sufiĉe klare aranĝata tiel ke la rapide laboranta poŝtoficisto nur kun granda peno povas eltrovi inter la aliaj detaloj la unue por li sola gravan adreslokon. Por tio helpo estas ebla en plej simpla maniero. Ĉiam oni skribu la adreslokon malsupre dekstre farante substrekon.

Tiuj, kiuj presigas la firmon sur la kovertoj samtempe presigu bone videblan substrekon por la adresloko tiel, kiel ĝi troviĝas sur la poŝtkartoj eldonataj de la poŝto.

Ĉar la publiko mem havas la plej grandan intereson, ke la leterinterŝanĝo plenumiĝu kiel eble plej rapide, oni povas konjekti, ke ĝi volonte sekvos tiujn konsilojn, kiuj ne ĝenas ĝin, sed treege faciligas la perpoŝtan praktikadon.

F. Pillath, Del. Essen.

NOTOJ

*Marto-julio.* — Ekspozicio de l'itala portretaro en Firenze.

*Marto-Oktobro.* — Universalaj ekspozicioj en Torino kaj Romo.

*Majo-oktobro.* — Internacia Higiena Ekspozicio en Dresdeno.

*22-30 julio.* — Konkurso de fajrbrigadoj, (118 rotoj, 3.000 partoprenantoj) en Cherbourg (Franc.).

*23 julio-5 aŭgusto.* — Rondflugado tra Anglujo.

*26-29 julio.* — Mondkongreso de rasoj en Londono.

*31 julio-6 aŭgusto.* — Kongreso de la Franca Societo por la progresigo de la Sciencoj en Dijon.

*3-5 aŭgusto.* — Internacia kongreso de la turismaj Asocioj en Ĝenevo.

*3-6 aŭgusto.* — Kvina internacia kongreso de Stenografistoj Gabelsberger en Kopenhag.

*10-12 aŭgusto.* — Laborista konferenco en Budapest.

*12-15 aŭgusto.* — Internacia muzikkonkurso en Lausanne (Svis.)

*13-15 aŭgusto.* — Internacia konkurso de muziko en Torino.

*16-21 aŭgusto.* — Internaciaj konkurso kaj kongreso de fajrbrigadoj en Torino.

## LITERATURA PAĜO

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

« Paradokse ! tre paradokse ! » ekkriis Alberto. — « Ne tiom, kiom vi pensas, mi respondis ». Vi konfesas, ke ni nomas malsano mortiga tion, per kio la naturo tiel laciĝas, ke parte ĝiaj fortoj konsumiĝas, parte fariĝas tiel senefikaj, ke ĝi ne estas kapabla denove sin ekfortigi, per feliĉa revolucio restarigi la ordinaran cirkuladon de la vivo ».

Nu, karulo, ni apliku tion al la mentalo. Rigardu la homon en lia limigiteco, kiel impresoj influas lin, fine kreskanta pasio rabas al li ĉiun trankvilan senton kaj pereigas lin ».

« Vane, ke la trankvila, prudenta homo komprenas la staton de la malfeliĉulo, vane, ke li admonas lin ! Same, kiel la sanulo, staranta apud la lito de malsanulo, ne povas transdoni al li eĉ plej malumlte da siaj fortoj ».

Al Alberto tio estis dirita tro ĝenerale. Mi memorigis lin pri knabino, kiun oni trovis antaŭ nelonge malviva en la akvo, kaj ripetis al li ŝian historion. Bona, juna kreitaĵo, kiu viriniĝis en la malvasta rondo de domaj okupadoj, de ĉiusemajna, destinita laboro, kiu konis neniun plezuron krom eble promeni dimanĉe ĉirkaŭ la urbo en iom post iom aĉetitaj modaĵoj kun siaspeculinoj, eble danci ĉiujn grandajn festojn kaj cetere kun ĉiu vigleco de plej kora kunsento babili pli ol unu horon kun najbarino pri la kaŭzo de disputo, pri kalumnio — ŝia vigla naturo nun eksentas pli karajn bezonojn, kiuj pligrandiĝas per la flatado de la viroj ; ŝiaj antaŭaj ĝojoj iom post iom fariĝas malbongustaj, ĝis kiam fine ŝi trovas homon, al kiu ŝin tiras senhalte nekonata sento, al kiu ŝi mem nun ligas ĉiujn siajn esperojn, forgesas la mondon ĉirkaŭ si Laŭdas nenion, vidas nenion, sentas nenion krom li, la sola, sopiras nur lin, la solan. Per la vantaj ĝojoj de ŝanĝema fiereco ne ruinigita, ŝia avido logas ĝuste al la celo ; ŝi deziras fariĝi lia, ŝi deziras en eterna kunligo kun li trovi ĉiun feliĉon, kiu mankas al ŝi, ĝui la unuiĝon de ĉiuj ĝojoj, kiujn ŝi sopiris. Ofta promesado, kiu garantias al ŝi la certecon de ĉiuj esperoj, kuraĝaj karesoj, kiuj pligrandigas ŝiajn avidojn, plene ĉirkaŭprenas ŝian animon ; ŝi troviĝas en malakra konscio, en antaŭsento de ĉiuj ĝojoj, ŝi estas streĉita ĝis la plej alta grado, fine ŝi etendas siajn manojn por ĉirkaŭpreni ĉiujn siajn dezirojn — kaj ŝia amato forlasas ŝin. Konsternita, sen sentoj ŝi staras antaŭ abismo ; ĉio estas malluma ĉirkaŭ ŝi, neniu ŝanco, neniu konsolo, neniu antaŭsento ! Ĉar forlasis ŝin tiu, en kiu sola ŝi sentis sian estadon. Ŝi vidas nek la vastan mondon antaŭ si, nek la multajn, kiuj povus anstataŭi al ŝi la perditon, ŝi sentas sin sola, forlasita de ĉiu — kaj blinde, premite en malvastejon de la terura mizero de sia koro ŝi ĵetegas sin suben, por sufoki en ĉirkaŭprenanta morto ĉiujn siajn turmentojn. — Vidu, Alberto, tio estas la historio de pli ol unu homo ! kaj diru, ĉu tio ne estas malsano ? La naturo ne trovigas elturniĝon el la labirinto de la konfuzitaj kaj kontraŭaj fortoj, kaj la homo devas morti.

Ve al tiu, kiu povus rigardi kaj diri : la malsaĝulino ! Se ŝi estus atendinta, se ŝi estus agiginta la tempon, la malespero certe estus foriĝinta, certe estus troviĝinta iu alia por ŝin konsoli. Estas kvazaŭ iu dirus : la malsaĝulo mortas pro febro ! Se li estus atendinta, ĝis kiam liaj fortoj resaniĝis, liaj sukoj reboniĝis, la tumulto de lia sango kvietiĝis, ĉio estus boniĝinta, kaj li vivus ĝis la hodiaŭa tago !

Alberto, al kiu la komparo ne ankoraŭ estis klara, kontraŭdiris ion kaj ankaŭ, ke mi parolis pri malsaĝa knabino ; sed ke li ne povas kompreni, kiel estus senkulpiginda homo de prudento, kiu ne estas tiel limigita, kiu superrigardas pli da rilatoj. « Mia amiko », mi ekkriis, « la homo estas homo kaj la eta prudento, kiun iu havas, valoras malmulte, kiam pasio furiozas kaj la limoj de la homeco premas. Sed — je alia tempo pro tio », mi diris, kaj prenis mian ĉapelon. Ho ! mia koro estis plenplena — kaj ni disiris, ne interkompreninte la alian, kiel do en tiu ĉi mondo neniu facile komprenas la alian.

La 15-an de Aŭgusto.

Estas certe, ke en la mondo la amo sola faras la homon necesa. Mi sentas, ke Ĥanjo ne volonte perdus min, kaj la infanoj havas la nuran opinion, ke ĉiam mi revenos morgaŭ. Hodiaŭ mi iris eksteren por agordi la fortepianon de Ĥanjo, sed mi ne sukcesis ĝin fari, ĉar la malgranduloj petadis min pri fabelo kaj Ĥanjo mem diris, ke mi faru laŭ ilia deziro. Mi tranĉis al ili la vesperpanon, kiun ili nun preskaŭ same volonte akceptas de mi kiel de Ĥanjo kaj rakontis al ili la ĉefparteton de la princidino, kiu estas servata de manoj. Per tio mi lernas multon, mi certigas, kaj miregas, kiajn impresojn ĝi faras al ili. Tial ke mi kelkfoje devas eltrovi flankaĵon, kiun mi forgesas la duan fojon, tuj ili diras, ke ĝi estis malsama la lastan fojon, tiel ke mi nun ekzercas reciti ilin senŝanĝe en ia kanta kadenco. Mi lernis per tio, ke aŭtoro per dua ŝanĝita eldono, kaj eĉ se ĝi fariĝus kiom ajn pli bona, necese devas malutili sian libron. La unua impreso trovas nin inklinaj ; kaj la homo estas farita, ke oni povas konvinki lin pri la plej aventura afero ; sed samtempe ĝi aliĝas forte, kaj ve al tiu, kiu deziras ĝin ere forgrati kaj ekstermi !

La 18-an de Aŭgusto.

Ĉu do devis esti tiel, ke tio, kio faras la feliĉecon de la homo, fariĝus la fonto de lia mizero ?

La plena, varma sentado de mia koro al la viva naturo, kiu superfluis min kun tiom da ĝojego, kiu ĉirkaŭe la mondon kreis kiel paradizon, nun fariĝas al mi turmenta fantomo, kiu persekutas min ĉiuvoje. Kiam alitempe mi superrigardis la fekundan valon de la roko trans la rivero ĝis la montetoj kaj vidis ĉion cirkaŭ mi ĝermi kaj ŝpruci ; kiam mi vidis tiujn montojn de la malsupro ĝis la supro kovritaj de altaj, densaj arboj, tiujn valojn ombritajn de la plej beletaj arbaroj en iliaj multoblaj kurbiĝoj kaj la kvieta rivero glitfluis inter la murmuretantaj kanoj kaj spegulis la karajn nubojn, kiujn la kvieta vespervento lulante peletis je la ĉielo ; kiam poste mi aŭdis la birdojn vivigantajn la arbaron, kaj la milionoj da muŝaroj kuraĝe dancis en la lasta ruĝa radio de la suno kaj ĝia lasta, tremanta rigardo liberigis la zumantan skarabon el ĝia herbaro ; kaj la vibrado kaj vivado ĉirkaŭ mi atentigis min pri la tero kaj la musko, kiu perforte prenas sian nutraĵon de mia malmola roko, kaj la dornaĵo, kiu malsupren kreskas la sekan, sablan monteton, vidigas al mi la internan, brulantan, sanktan vivon de la naturo : kiel mi komprenis ĉi ĉion en mia sentema koro, sentis min en la troa riĉeco kvazaŭ diigita, kaj la belegaj formoj de la senfina mondo sin movis vivigante en mia animo. Montoj monstraj min ĉirkaŭis, abismoj kuŝis antaŭ mi, kaj torentoj falfluis suben, la riveregoj fluegis sub mi, kaj arbaro kaj montaro sonoris ; mi vidis ilin reciproke kreantajn kaj agantajn en la profundoj de la tero, ĉiujn la neesploreblajn fortojn ; kaj nun super la tero kaj sub la ĉielo svarmas la gentoj de la diversaj kreaĵoj. Ĉio, ĉio plenigita de miloblaj formoj ; kaj la homoj nun sin kolektas en dometoj kaj fariĝas loksidaj kaj reĝas en sia maniero la vastan mondon ! Mizera malsaĝulo ! kiu ĉion tiel malalte estimas, tial ke vi estas tiel malgranda ! — *(Daŭrigota)*

# ○ ESPERANTISMO ○

Grava Avizo. — *Ni rememorigas al niaj korespondantoj ke ĉiujn informojn por la rubriko Esperantismo, ili bonvolu sendi antaŭ la* **10ᵃ** *kaj* **25ᵃ** *de ĉiu monato al ESPERANTO, Rue de la Bourse, 10, GENÈVE. por la sekvonta numero. Ili memoru ĉiam zorge montri la daton de ĉiu fakto kaj la devenon de ĉiu informo. Neniam ni raportos pri malnova okazintaĵo.*

## ONI KONGRESAS !

**Pri la Itala Kongreso.** — *Rektifio.* Ni ricevis jenan leteron : En la numero 103 de « ESPERANTO », sub la titolo « Itala Kongreso » ni legas jenon :

Pri la starigo de regionaj institutoj de Esperanto por la instruado de la Lingvo oni konsentis kun la propono de D-ro Stromboli lasante tamen la plej grandan liberecon por la instruado ;

Ĉar en ĉi tiu alineo estas eraro, ni ĝentile petas Vin publikigi la jenan klarigon :

*La Itala Kongreso de Esperanto rilate al starigo de Institutoj de Esp. por la instruado de la Lingvo aprobis la tagordon de D-ro Stromboli nur kiam li forstrekis de ĝi la vorton regionaj, lasante tamen la plej grandan liberecon por la instruado.*

Tion ni atestas kiel alestintoj de tiu kongresa diskutado. Maria G. Cipollina ; Giovanni Balestrini ; Ettore Fasce ; Prof. Ilario Facco ; Carlo A. Viterbo.

**Sesa skota Esperanto Kongreso.** — Tiu ĉi Kongreso okazis en Dundee de la 16ᵃ ĝis la 19ᵃ de junio. Delegitoj de diversaj urboj en Skotlando kaj kelkaj de aliaj landoj ĉeestis. Ĉe la unua kunveno je la 16ᵃ D-ro Pollen de Londono diris ke unu el la plej eksterordinaraj aferoj pri Esperanto estas la interkompreniĝo de la lingvo. Esperantistoj de diversaj landoj paroladis ĝin sen iu distingiĝa akcento. Dum bonega parolado li parolis pri la lingvo Hinda (Hindustani) kiu estis elpensita je la ordono de la granda imperiestro Akhbar tiel ke la 19 diferencaj nacioj en lia imperio de Hindujo, kiuj parolis diferencajn lingvojn, povus paroli unu al alia per tiu ĉi lingvo. Kion ĝi faris por Hindujo, Esperanto povus fari por la mondo. Laŭ la opinio de Profesoro Geddes de Edinburgo kaj Dundee, kiu ankaŭ paroladis, la akiro rapide de la fremda lingvo grandamezure devenis de la simpatio kiun oni posedis. Ekzemple la Rusoj kaj la Poloj ĝenerale akiris alian lingvon pli rapide ol la Britoj kaj la Francoj. Ĉe la kunvenoj sabaton la 17ᵃⁿ la temoj diskutitaj estis Esperanto kaj komerco, kaj Paco, kaj la Blinduloj, kaj la Ruĝa kruco Movado, kaj la Misia kampo, kaj Edukado, k. t. p. En la vespero civila akcepto estis donita de la Urbestraro de Dundee'o al la delegitoj. Spritaj paroladoj, kantoj, kaj triakta komedieto, titolita « La Alilanda korespondado », kaj verkita de F-no. Mario Hare de Dundee'o, kiu ludis la ĉefan rolon, faris la tutan aferon multe ŝatita. S-ro J. M. Warden de Edinburgo pro la Esperantistoj dankis la Urbestraron por ilia bonkoreco. Dimanĉon la 18ᵃⁿ Diservo tute Esperante okazis en unu el la lokaj preĝejoj. Pastro Ross de Kilmarnock predikis tre bonan predikon. Estis bona ĉeesto de la publiko aldone al la gesamideanoj. Ekskursoj al lokoj ne malproksime de Dundee'o lundon la 19ᵃⁿ finis unu el la plej sukcesaj skotaj Kongresoj. La delegitoj dankis la Dundee'an klubon por la bonegaj aranĝoj faritaj de ili. La proksima Skota kongreso okazos en Montrose, kaj S-ro J. D. Simpson de tiu urbo estis elektita Prezidanto de la Skota Federacio por la venonta jaro.

**Kvara Kongreso de la Normanda Federacio.** — Ĝi okazis la 2-an de julio en la Urbdomo de Rouen ; la publiko estis informita per la gazetaro kaj per afiŝoj sur la tramveturiloj. Por tiu okazo, oni ornamis la urbdomon per diversnaciaj kaj esperantaj flagoj ; unuafoje *nia* flago flirtis sur oficiala konstruaĵo.

Venis multaj samideanoj el Le Hâvre, Bolbec, Louviers, Eu, Sotteville, Oissel, k.t.p., kaj eĉ unu Ruso, unu Aŭstriano kaj unu Germano ; ĉeestis ankaŭ Inĝeniero Rollet de l'Isle, prezidanto de lo S. F. P. E. — Dum kelkaj vizitas la urbon, aliaj provas la ekzamenojn por akiri la francan ateston pri kapableco (prezidis la juĝantaron *D-ro Panel*, helpata de *Prof. Chicard* kaj instruisto *Cayeux*).

Post komuna tagmanĝo malfermiĝis je la 2-a la kunveno en la urbdomo, sub la prezido de S-ro Rollet de l'Isle. *S-ro de Guersent*, Prez. de la Rouen'a Grupo, dankas la kongresanojn pro ilia veno ; *S-ro Ducros*, Prez. de la Havra Grupo, dankas S-ron Rollet de l'Isle pro lia ĉeesto ; *S-ro Legoffre*, Sekretario de la kongreso, raportas pri la situacio de Esperanto en Normandio kaj konstatas, ke la disvastiĝo, parte dank'al la gazetaro, estas kontentiga : anstataŭ *360* membroj en 1910, la Federacio havas nun *588*. Raporto aprobita, same tiu de l'kasisto.

*S-ro Cayeux*, Prez. de la grupo en Sotteville-lèz-Rouen, legas raporton pri la diversaj propagandaj demandoj, precipe la agado de la gazetaro kaj urbestraroj, al kiuj li proponas sendi dankojn (aplaŭde akceptita) ; li parolas pri la agado de la membroj al la parlamentanoj por akceptigi la projekton Cornet-Godard ; je la nomo de sia grupo li deziresprimas, ke la S. F. P. E. per cirkulero atentigu la Akademiajn Inspektorojn pri nia lingvo en la normalaj unuagradaj lernejoj. Aprobita, post kelkaj rimarkoj de S-roj Rollet de l'Isle kaj Ducros. Laŭ propono de S-ro Cayeux estis sendata al D-ro Zamenhof telegramo certiganta pri la fideleco al la « Fundamento ».

*S-ro Daniel*, Unua Prezidanto de la kortumo estas dankata pro lia iniciato de la parolado de Rektoro Boirac en Rouen. *S-ro D-ro Panel* gratulis la matenajn kandidatojn al la ekzameno kaj proklamis la nomojn de la normandaj premiitoj en la konkurso de l'almanako Hachette.

Sekvis vizito en la bele aranĝita esperanta ekspozicio ; multaj vizitantoj ricevis broŝuron de la Turing-Klubo pri Esperanto.

Je la sepa, festeno kun 80 ĉeestantoj inter kiuj oficialaj eminentuloj de Rouen ; diversaj paroladoj, interalie tosto de *S-ro Rollet de l'Isle*.

La Kongreso, pri kiu favore raportis la gazetaro, finiĝis per sukcesa koncerto kaj vigla balo. La grupo en Louviers estas komisiita organizi la kongreson de 1912. — X. Y.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj Societoj.** — En *Trieste* fondiĝis sekcio de Esperantianaj Studentoj ; konsulo estas S-ro C. Demetrio. — V. P.

En *Breslaŭ* fondiĝis poŝta unuiĝo. — G. E.

En *Lübeck* (German.) fondiĝis komerca Esperantista Grupo. — G. E.

En *Saint-Ingbert* (German.) S-ro A. Ombor malfermis Esp.-Of. kaj informas pri nia afero. Li danke ricevos adresojn de korespondontoj, broŝurojn, katalogojn esp. — A. O.

**Novaj kursoj.** — En *Delitzch* (German.) malfermiĝis kvara kurso.

En *Dresden* (German.) 3 kursoj, 80 lernantoj ; en la societo Ruĝa-Kruco, 30 lernantoj ; du kursoj en la Societo de komerckomizoj, privata kurso en la firmo Renner.

En *Gotha* estos baldaŭ organizata kurso.

En *Laŭbau* kurson inter gimnazianoj gvidas S-ro Lutteroth.

En *Lichtenfels* (Bavarujo) post parolado de S-ro J. Loy.

En *Markersdorf apud Reichenau* (Germ.) S-ro Schwarz malfermis senpagan kurson.

En *Napoli*, S-ro R. Bagnulo gvidas kurson ĉe la societo de komercaj oficistoj.

En *Dresdeno*, kurso por tramvojaj oficistoj; ili estas distingeblaj per brakskarpeto kun verda stelo. — W. H.

En *Cordoba* (Hispan.) S-ro P. Linarès komencis kurson ĉe la Respublikana grupo.

En *Genova* (Ital.) ĉiam vigle laboradas la Liguria Esp. Instituto, sub la direktado de D-ro Stromboli; dum tri monatoj de sia ekzistado ĝi jam malfermis 10 kursojn en Genova, Sampierdarena, Cornigliano, Rivarolo, kun ĉirkaŭe 300 lernantoj nun ĝi malfermis 3 novajn kursojn en Genova, el kiuj superan por instruistinoj; 80 lernantoj. Ĝi jus malfermis novan kurson por instruistinoj ĉe la publika lernejo Colombo. — A. S.

En *Chemnitz* (German.) du novaj kursoj komenciĝis. — G. E.

En *Jœhrstadt* (German.) post parolado aranĝita de la Saksa Ligo. — G. E.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — S-ro Parrish venante el Alĝerio alvenis Gibraltar, sed pro kvaranteno ne povis elŝipiĝi kaj devis veturi ĝis Southampton (Anglujo). Li estis parolinta en la salono de la ŝipo la 4 de julio. Tre taŭga loko, ĉar tie estas reprezentataj multaj lingvoj, sed malmulte parolataj... pro manko da kunparolantoj.

Jen do la nova vojplano (ĉar la cirkonstancoj tion trudis): *Kristiania* 22 julio; *Stockholm* 24-25; *Kopenago* 2-3 aŭgusto; *Rostock* 7; *Lubeck*, *Hamburg*, *Bremen*; *Amsterdam* 14; *Haarlem*; *Hago* 16-17; *Rotterdam*; fine alveno en *Antverpeno* la 19.

## ANTVERPENAJ KONGRESOJ

**Kongresvojaĝoj.** — Ni jam donis en niaj lastaj N-oj informojn pri la diversaj karavanoj organizataj sub la aŭspicioj de U. E. A. por plifaciligi la veturadon ĝis Antverpeno (Londono-Antverpenon tra Hartwich, Dresdeno-Antverpenon, Baselo-Antverpenon), kaj ni konsilas al la kongresanoj, kiuj deziras vojaĝi karavane, ke ili kiel eble plej rapide, se ne ankoraŭ farite, sendu sian aliĝon al la organizantoj:

S-ro P. Blaise, 3 Lynette Ave. Clapham Common, London (Karavano el Londono); S-ro Von Frenkell, Comeniusstr, 79, Dresden (Karavano el Dresdeno); S-ro J. Schmid, Handelsdepartement, Bundeshaus, Bern. (Karavano el Baselo).

*Vojaĝoj tra Francujo*. Tiun ĉi jaron la fervojaj francaj kompanioj, pro eksteraj kaŭzoj, *ne* konsentis individuan rabaton al la kongresanoj. Tamen, ĉe la plimulto de la kompanioj, la kongresanoj *karavane* vojaĝontaj ricevos la kutiman rabaton (kondiĉoj malsamaj laŭ la kompanioj). En nia venonta N° ni publikigos detalajn informojn pri la organizo de tiuj karavanoj kaj la formalaĵoj plenumotaj por ricevi la rabaton.

**Postkongresaj vojaĝoj.** — Krom la vojaĝo tra Belgujo, post la Kongreso de U. E. A., okazos ankaŭ ekskurso tra Nederlando (vidu *Esperanto* paĝ. 201-202), kaj ekskurso al la Rejno. Jen la programo de tiu ĉi lasta:

La Esperanto Societo 1906 en Kolonjo invitas ĉiujn kongresanojn viziti post la Kongreso la tre interesan urbon Kolonjo.

Dimanĉon 27 tagmeze kaj lundon akceptejo estos malfermata en la klubejo « Alter Posthof » Kreŭzgasse 26, ok minutojn de la stacidomo. Mardon 29, oni faros ŝipe ekskurson sur la Rejno, forveturante je 7 h. mat. alvenante en Linz, kontraŭ Remagen, je 11 h. 1/4 tie-ĉi oni tagmanĝos kaj reveturos ŝipe je 2 h. 1/2 ĝis Kœnigswinter (alveno je 3 h. 1/2; suprenirado sur la Drachenfels, senkompara vidpunkto. Malsupreniro per la Nachtigallentall; je 7 h. oni enŝipiĝos en Kœnigswinter kaj alvenos je 9 h. en Kolonjo. Ĉar verŝajne granda parto de la kongresanoj restos dum la Kongreso de U. E. A. en Belgujo la Societo de Kolonjo ankaŭ aranĝos unutagan ekskurson por ili, dimanĉon 3 septembro, kun la jena programo: 7 h. 1/2, per la Rheinŭferbahn (elektra fervojo), ĝis Bonn, duonhora promenado tra la urbo, veturo ĝis Godesberg kie aliĝos la Godesberga Grupo; duonhora promenado tra Godesberg, poste per ŝipeto ĝis Rolandseck, vizito de l'Rolandsbogen, tagmanĝo ĉe l'bordo del' Rejno, ŝipete ĝis Kœnigswinter, vizito de l'Drachenfels, vespere per ŝipo aŭ Rheinuferbahn reveno Kolonjon. La veturkosto estas por la unua tago 1.15 Sm., por la dua tago 2.25 Sm.

Neniu preterlasu la okazon, travivi unu tagon meze de l'Rejna gajeco kaj vidi la sepmontaron pri kiu la famkonata mondvojaĝisto Alexander von Humboldt diras, ke li certe vidis pli grandiozajn pejzaĝojn sed nenie pli ĉarman. Multspecaj amuzaĵoj estas prezentataj. En Kolonjo la Hotelo « Bayerischer Hof » kiu donas 10 0/0 rabaton estu rekomendata, sed oni devos anonci sin ĉar en aŭtuno la hoteloj havas multe da gastoj. Por pli modestaj pretendoj oni rekomendas la Hotelojn « Fürst Bismarck » « Hotel Berlin » « Marienhof » « Salzrümpehen ».

La partoprenon oni anoncu al S-ro August Junker, Hohestrasse, 26, Kolonjo (German.).

**Katolikaj diservoj kaj kunvenoj dum la Sepa.** — *Diservoj*. Dimanĉon 20-an de Aŭgusto. Je la oka matene, Meso por la Esperantistoj en la Sankta Josefa kapelo de la Ĉefpreĝejo (Katedralo). — Dum la Meso okazos mallonga prediketo kaj disdono de la Sankta Komunio.

Dum la Granda Meso, je la deka matene, seĝoj estos rezervitaj por la kongresanoj kiuj mendos tion antaŭ la 10 de Aŭgusto al Pastro Richardson.

Tuj post la granda solena Meso, la mondfama Procesio de la Sankta Virgulino eliros.

Dimanĉon 27-an de Aŭgusto. Je la 10-a kaj duono matene, Meso kun esperanta prediko kaj kantado de esperantistaj himnoj. Ni esperas, ke tiun ĉi Diservon ĉeestos ĉiuj katolikaj esperantistoj. La Diservoj okazos en la aparta Virgulina kapelo de la Katedralo (Ĉefpreĝejo).

*Kunvenoj*. La kunvenoj estos anoncataj en la akceptejo dum la kongreso.

Oni sendu ĉiujn informojn kaj mendojn rilatantajn la katolikajn diservojn kaj kunvenojn al: Abato Richardson, 121, rue du Marais, *Bruxelles*.

**Kongreso de U. E. A.**

Ni rememorigas, ke la kongreskotizaĵo estas 2 *Sm*. (helpkongresanoj: 1 Sm.), kiun oni bonvolu sendi plej baldaŭ por faciligi nian laboron.

Ĉiu kongresano, tuj postaliĝo, ricevos sian kongreskarton kaj planon de Antverpeno. La kongresajn raportojn li ricevos en Antverpeno mem, post prezento de la kongreskarto.

Ni atentigas, ke laŭ la avizo presita sur la kongresaliĝilo, *post la 1 de Aŭgusto la prezo de la kongreskarto estos pligrandigata je 20 0/0*. (2.40 Sm. anstataŭ 2 Sm.). *Oni do profitas ĝin tuj mendante!*

## OKAZONTAĴOJ

**Esperantista Kalendaro.**

*30 julio*. — En Charleville (Franc.) distrikta kunveno de U. E. A.

*14-19 aŭgusto*. — Dua internacia kongreso de la katolikaj Esperantistoj en Hago (Holando).

*16-18 aŭgusto*. — Antaŭkongresa ekskurso Rotterdam-Hago-Scheveningen.

*16-18 aŭgusto*. — Esperanto-tago en Dresdeno; distrikta kunveno de U. E. A.

*18 aŭgusto*. — Kunveno de la Esp. Stenografistoj Gabelsberger en Dresdeno.

*20-21 aŭgusto*. — Kongreso de la Esperantistoj-psikistoj en Antverpeno.

*20-24 aŭgusto* (nova stilo). — Kvina Bulgara esp. kongreso en Sofia.

*20-27 aŭgusto*. — Sepa Universala Esperanto-Kongreso en Antverpeno.

*26-30 aŭgusto*. — Dua kongreso de U. E. A. en Antverpeno.

*27-31 aŭgusto*. — Postkongresa ekskurso Hago-Scheveningen-Amsterdam-Marken.

*8-10 septembro*. — Dua Konferenco de la Aŭstriaj Esperantistoj en Praha.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Gvidlibroj.* — Ni ricevis la du jenajn interesajn Esperantajn gvidlibrojn : *Lübeck*, gvidlibreto tra la Libera kaj Hanso-urbo kaj ĝia proksima ĉirkaŭaĵo (54 paĝoj kun ilustraĵoj, prezo : 0, 20 Sm.)

*Vichy-gvidlibreto,* publikigita sub la aŭspicioj de la Farma kompanio de Vichy-Etat (24 paĝoj kun ilustrajoj)

Ni rekomendas tiujn du eldonajojn al ĉiuj turistoj Esperantianoj.

Ni denove esprimas la deziron, ke la gvidlibroj estu eldonataj laŭ la monoa formato (11 1/2 × 16 1/2), kiel la gvidfolioj. Tio estos ne pli kara kaj multe pli oportuna.

∴ *Esperanto kaj presejoj.* — Laŭ statistiko regule publikigata en *Le Monde espérantiste* ekzistis en majo 1911 ; 347 Esperantistaj presejoj, 7 fandejoj, 5 linotipejoj kun 596 preslaboristoj.

∴ *Horlibreto.* — En Gap, presejo disdonas horlibreton kun diversaj informoj ; la tiea esp. grupo enmetis malgrandan anoncon *en Esperanto.* Por havi informojn pri tiu pentrinda regiono, skribu al S-ro Vincent, grupsekretario, Bd. de la Liberté, 33, *Gap* (Hautes-Alpes, Franc.).

∴ *Loterio.* — S-ro Johano Camps, en *Sabadell* (Hispan.) estas la gajninto de la lotado organizita de S-ro J. L. Bruijn por la aĉetantoj de murkalendaro.

∴ *En lernejo.* — En sia jara raporto la Direktoro de la Komerca Lernejo en Genève citis la kurson de Esperanto organizitan de D-ro Mallet ; 4 premioj estas disdonitaj.

∴ *Pri Esperantio.* — La itala eldono de la « ruĝa broŝuro » (4 Sd.) enhavas du specialajn paĝojn por U. E. A., ĝiaj servoj kaj listo de ĉiuj italaj delegitoj. Tre bona ekzemplo !

∴ *Esperanto kaj Oficialuloj.* — Dum la publika disdonado de la premioj al la lernantoj de la teknikaj vesperaj lernejoj, la 18 junio en la teatro Carlo Felice (Genova, Ital.), S-ro Prof. Pastore, lernejestro, diris antaŭ granda publiko kaj la plej gravaj aŭtoritatoj, ke en lia lernejo okazis kvin esp. kursoj per la G. E. Unuiĝo, kun la permeso de la urbestraro ; li esprimis la deziron, ke restu en la lernejo rememoro pri tiu fakto, grava por ĉiuj progresamantoj. — Same S-ro Massone, Direktoro de la lernejo Mameli bone parolis pri la sukceso de la du kursoj ĉe sia lernejo ; la aŭtoritatoj estas favoraj. — A. S.

∴ *Ekspozicio.* — En Dorpat (Rusl.), S-ro J. Rosenberg, Del. Reval, aranĝis esperantan fakon en la Esta Industria Ekspozicio (majo 1911).

## TRA LA GAZETARO

∴ *Gestudentaj Interesoj*, publikigis interesan numeron, kiu enhavas interalie gvidlibron pri Luhaĉovice (Moravio), kiu celas esti la internacia kolonio de Ĉiostudenta Asocio. (Unu nº 10 sd, ĉe S-ro Zatezky, Dluga 11, Krakow).

∴ *La Simbolo*, publikigita en Usono, momente ĉesas aperi.

∴ *Belga katoliko* estas nova oficiala bulteno de la Belga katolika Ligo Esp., fondita antaŭ nelonge (france kaj flandre).

∴ *Kataluna katoliko*, ĉiumonata organo de la kataluna Ligo de katolikaj Esperantistoj, aperas en Barcelono. Esperante kaj katalune).

Ekzistas jam katolikaj Esp. gazetoj en Nederlando kaj Francujo, krom unu centra, Espero Katolika.

∴ La monata jurnalo *Behar* (Persujo) instigas siajn legantojn al la lernado de Esperanto.

∴ *Der privat Unterricht* (Vieno, junio 1911). Nova oficiala organo de la Aŭstria Unio de privataj instruistoj, publikigas kurson de Esperanto.

∴ En *La République syndicale* (Parizo, 25 junio 1911). Tre bona artikolo de samideano Luis Carlos pri « La utileco de lingvo internacia ; Esperanto ».

∴ En *L'Echo de Versailles* (Versailles, 23 juin 1911). Artikolo pri la disvastiĝo de U. E. A. kaj la ecoj de Esperanto.

∴ *Germinal* (Setubal, Portug. 25 junio 1911). Publikigas informojn pri U. E. A. kaj ĝiaj servoj. — G. P.

∴ En *La République de l'Oise* (Beauvais, 29 junio 1911). Raporto pri la esperanta manifestado okaze de la festo Jeanne Hachette. — A. G.

∴ *O Physiolatra* (Curityba, Brazil., majo 1911). Enpresis dupaĝan raporton de D-ro H. Motta Mendes pri la Brazila Esp. kongreso.

∴ En la unua N-o de *L'Instruction par l'Image* (Genève, junio 1911, oficiala organo de la « Asocio por Instruado per Bildaro », artikolo de S-ro Ed. Stettler. De nun, ĉiu numero enpresos esperantan artikoleton.

∴ *Tægliche Rundchau für Schlesien und Posen* (Schweidnitz, Germ., 13 junio). Komencas publikigi regulan esp. rubrikon. — G. E.

∴ S-ro H. Blum, Berlina dentisto, traktas en *Deutsche Zahnærztliche Wochenschrift* (nº 18, 1911), pri la utileco de Esperanto por internaciaj kongresoj (kiel la dentista, okazonta tiun jaron en Londono). — G. E.

∴ S-ro R. Sackmauer en Pilsen aperigis propagandan artikolon en *Zeitung des Vereins Deutscher Eisenbahnverwaltungen* (20 majo), « jurnalo de l'Unio de la germanaj fervojadministracioj ». — G. E.

∴ Propagandaj artikoloj aperis en *Deutsche Postzeitung* (Berlino, 18 junio), kaj *Laubauer Anzeiger und Zeitung* (2 junio).

∴ En la 6-a kajero de *Dokumente des Fortschritts.* « Esperanto, helpilo de la pacaj ideoj ».

∴ Pli ol 200 germanaj gazetoj (precipe el Hamburg kaj Lübeck) raportis pri la Germana kongreso. — G. E.

∴ Pri la Esperanto-tago en Berlino raportis : *Berliner Tageblatt* (12 junio) ; *Germania* (Berlino 14 junio) ; *Mærkische Volkszeitung* (Berlin, 14 junio) ; *Hamburger Fremdenblatt* (15 junio) ; *Bœrsenblatt für den Deutschen Buchhandel* (18 junio) ; *Weissenseer Tageblatt* (14 junio). — Ek.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Propono.**

S-ro Vermaas, Del. Rotterdam, en la nomo de la Nederlanda distrikta kunveno, faras la jenan proponon pri aldono al la Statuto :

§ 17. — En ĉiu *regiono* estas Delegito kaj *Vicdelegito.* Ili estas balotataj de la regionaj Esperantianoj por 3 jaroj kaj konstante reelekteblaj.

Tamen en la regionoj, kie estas malpli ol 20 membroj, ili estos elektataj de la direktoro de U. E. A., *kun la aprobo de la distrikta Delegito* por la sama daŭro.

La vortoj substrekitaj estas la proponita aldono.

Konforme al § 52 de la Statuto, tiu propono estos submetata al la ĝenerala voĉdonado, se pli ol la kvinono de la Delegitoj voĉdonrajtantaj ĝin skribe postulas.

**2a Aldono al Oficiala Jarlibro.**

La 2a Aldono al la *Oficiala Jarlibro* de U. E. A. jus aperis. Ĝi enhavas la nomaron de ĉiuj novaj Delegitoj kaj Esperantiaj Entreprenoj, aliĝintaj post la apero de la Jarlibro. (24 paĝoj). Tiu ĉi aldono estas *necesega* al la personoj uzontaj la servojn de U. E. A. dum la somero 1911. Ĝi estas ricevebla de la Centra Oficejo kontraŭ alsendo de unu respondkupono.

**Virina Komisiono.**

La Virina Komisiono de U. E. A. estas formita kiel sekvas :
S-ino de Ferrer, Del. Monaco ; F-ino Herzog, Del. Davos ; S-ino M. Hankel, Dresden ; S-ino Diou-Trouillon, Paris ; S-ino P. Blaise, Londono ; F-ino Johns, Del. Braunschweig.

**Financoj**

*Donacoj por U. E. A. dum Majo (En Sm.*

Gesinjoroj : Schubert 0,66 ; F. H. Lewis, 10,08 Benett, 0,57 ; Barrington, 2,54 ; Schneider, 0,50 kaj diversaj 0,14. La tuta sumo : Sm. 14.49.

*Donacoj por Internacia Aviada Rondvojaĝo (En Sm.)*

Esp. Grupo St. Denis, 2,00 ; Esp. Grupo Arnstadt, 1.00 ; Miller-Baltimore, 2.06 ; Per S-ro Sabuniewiez-Moskvo, 3,50 ; per S-ro Chavet, 7,30. Sumo, Sm. 15.86. Antaŭaj listoj, Sm. 91,64. Tuta sumo Sm. 107,50.

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondajoj ĉe la Centra Oficejo de U. E. A. dum la monato Junio.

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1031 | 1485 | 181 |

Tuta sumo 2.697 (sen la Jarlibroj). Antaŭa monato : 2.715.

La Direktoro.

**Novaj Del. Vicdel. aŭ Subdel.**

Ĉerkasso (Gnb. Kiev, Rusujo). — S-ro Abram Glanow (Subdeleg., dep. de Umanij).

Chorley (Lancashire, Anglujo). — S-ro William Brown, Koton-fabrikestro, « Mayfield ».

Enghien-les-Bains (Seine-et-Oise, Francujo). — S-ro Joseph Ledoux, artmuzikisto, 9, rue de Malleville.

Hof (Bayern, Germanujo). — S-ro Christian Ziegler, komercisto, Westendstr., 32.

Lancey (Isère Francujo). — S-ro Jules Mauvin, oficisto, Société des Papeteries Berges.

La Réole (Gironde, Francujo). — S-ro L. de Pamelaire, école agriculture.

Lewis (Kansas, Usono). — S-ro James R. Wolfe, Lewis, Edwards Co, Kansas.

Letchworth (Herts, Anglujo). — S-ro F. A. Goodliffe, Elm Free House.

Modica (Sicilia, Italujo). — S-ro Petro Favacchio, kanoniko, strato Ritiro, 47.

Ruhrourt (Rheinland, Germanujo). — S-ro J. Plos, Kaiserstr., 111.

Saint-Nicolas-les-Citeaux (Bourgogne, Francujo). — S-ro Arthur Ratouillat, instruisto (Subdel., dep. de Nuits-Saint-Georges).

Ŝepetovka (Vol. gub., Rusujo). S-ro Mojsejo Ŝaĥnovečky, instruisto, Sossea strato.

Tsicxita (Transbaikalien, Rusujo). — S-ro E. P. Fovickij.

Vittel (Vosges, Francujo). — S-ro Henri Balestas, flutsolisto, Casino en Vittel.

**Ŝanĝoj.**

Baku : La Del. estas nun : S-ro D-ro A. A. Rodionov, vragangelskaja ul. — Bologna : la Del. estas S-ro A. Tellini. — Bukarest : La Del. loĝas nun : S-ro Emanvil F. Nicolau, komerca helpanto, Str. I. C. Bratianu No 5. — Duisburg : La Del. estas nun : S-ro Ch. Sewing, Prokuristo, Oststrasse, 69. — Riga : La Del. loĝas nun : S-ro W. V. Ŝmurlo, inĝeniero, Felinastr., 7. — Rojdestveno : La ĝusta adreso de l'Del. estas : S-ro I. Ŝirjaev, Iaroslavskoj, Timiĥovo. — Santa-Maria Maddalena di Cazzano (Bologna, Ital.) : la S.-D. estas S-ro F. Verri. — Thorn : La Del. estas nun : S-ro Frenkel, Gerstenstrasse.

**Lokoj, kie ne plu estas la Del.**

Alicante. — Iambol.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Berlin (Germanujo). — Internationaler Verkehrsbund, Charlottenstr., 34.

Grenoble (Francujo). — Paone et Pascal, 33, rue Thiers.

Paris (Francujo). — Industria kaj komerca Societo Esperantista en Franclando.

Vichy (Francujo). — Grupo Esperantista Vichy'a, S-ro D-ro Adolph Clerk, kuracisto, Villa « Rusticana ».

# Esperantia Parolejo

## Malrapidaj respondoj

Malrapidaj estas la komunikiloj kun ekstrem-Oriento ; la leteroj kaj kartoj estas transportataj per la Siberia fervojo, kaj tiumaniere la Eŭropanoj devas atendi respondon dum pli ol unu monato. Eĉ pli longa estas la *perŝipa* transporto (50 tagoj). Do, gesamideanoj, kiuj petas respondon de mi aŭ de aliaj orientanoj, ne maltrankviliĝu pri prokrasto ne evitebla de ni mem. K. Ĉ. San. (Del. *Ŝanghai*).

## Al bohemaj Delegitoj kaj samideanoj

En bohemaj gazetoj mi legis pri ekskurso de bohemaj instruistoj en la sudslavajn landojn dum somero 1911.

La bohemoj dum tiu vojaĝo devos uzi la germanan lingvon (ĉar la bohema ne estas komprenata de sudslavoj), sed tio estas por ili humiliĝo antaŭ la Germanoj. Oni diskutis pri la elekto de interslava lingvo ; oni rekomendis, mi kredas, la kroat-serban por tiu celo, sed ĝi ne estas neŭtrala, do ne facile akceptebla *de ĉiuj*.

Kelkaj eĉ revas krei slavan lingvon el radikoj komunaj al la plimulto de slavaj lingvoj. Sed kial ne alpreni tuj Esperanton, per kiu ni kompreniĝos ne nur kun Slavoj, sed kun la tuta mondo ?

Okaze de la dirita ekskurso, mi petas ĉiujn partoprenontajn samideanojn, ke ili bonvolu averti ĝustatempe la Delegitojn de tiuj regionoj, kiujn ili vizitos aŭ trapasos ; tio estos bona konvinkilo pri la facila parolebleco de Esperanto. Niaj bohemaj Delegitoj faru ĉion eblan por igi U. E. A. utila al tiuj ekskursantoj ; ili uzu la okazon por atentigi la publikon pri nia afero. R. Rubĉiĉ.

Del. *Dubrovnik* (Aŭstrio.)

## Esperantista banloko ĉe la Adriatika marbordo

Inter la antikvaj urboj Ravenna, Rimini, Pesaro, Fano, laŭlonge la marbordo, stariĝas de jaro al jaro novaj restadejoj por banantoj, kie antaŭe vidiĝis nur fiŝkaptistaj kabanoj. Tiaj estas Porto Corsini, Cervia, Cesenatico, Viserba, Riccione kaj aliaj nun formiĝantaj aŭ sennomaj. La fervojaj distancoj inter la marbordo Rimini-Cervia estas : Milano, 7 1/2 horojn ; Ala, 7 3/4 h. ; Verona, 6 3/4 h. ; Venezia, 5 1/2 h. ; Triesto, 9 1/2 h. ; Ponteba, 10 h. ; Ankono, 3 h. ; Vaporŝipe : Triesto-Raveno, 10 h. ; Triesto-Ankono, Same ; Fiume-Ankono, Same ; Zara Ankono, 9 h.

Kelkaj komunumoj aĉetis terpecojn kaj sablejojn, kaj ilin donas al kiu ajn promesanta konstrui vilaon (submetatan al diversaj kondiĉoj) ; la kosto de tia vilao ne estas malpli ol 6-7000 Sm. La bansezono daŭras ordinare de la 15 junio aŭ 1 julio ĝis 30 septembro, sed oni povas ĝui la mildan veteron depost marto ĝis novembro. Meblitaj apartamentoj aŭ tutaj vilaoj estas lueblaj por la sezono aŭ por monato. En Rimini, Pesaro, Fano la plej malkaraj apartamentoj kostas por la sezono 3-400 Sm. ; en pli modestaj lokoj, minimume 200 Sm. Ĉambroj lueblaj por 60 Sm.

Konsiderante : 1e La altan luprezon ; 2e La limigajn kondiĉojn por la konstruado sur donita tero aŭ la altan prezon de la aĉetebla tero (almenaŭ 2 Sm. por M 2) ; 3e La karecon de nutrajoj en banlokoj ; 4e La fervojajn distancojn kaj la geografian situacion, kiuj igas tiun marbordon plej oportuna banloko por centra kaj orienta Eŭropo,

Mi proponas, ke kelkaj Esperantistoj konstruu *bankolonion* en parto, kie la tero estas ankoraŭ dezerta kaj malmultekosta. Mi kalkulis, ke por malpli ol 1.000 Sm. estas konstruebla unuetaĝa kvarĉambra dometo ; la tero kostas nur kelkajn dekojn da Sm.

Se por la somero 1912 ni sukcesus starigi 5-6 vilaetojn, ni baldaŭ havus veran kolonion. Mi estas preta konstruigi unu tuj, kiam kelkaj Esp.-istoj montros seriozan intencon efektivigi tiun projekton. La posedantoj povus lui sian domon al aliaj samideanoj. Komuna veturilo utilus por la transportado de vojaĝantoj el la stacidomo al la restadejo kaj ebligus aĉeti malkarajn nutrajojn en la urboj, kie la prezoj restas normalaj. La subskribinto estas preta doni pli detalajn informojn. A. Tellini, Vallescura, 6,

*Bologna* (Italujo).

### Parolad-vojaĝo Parrish

S-ro Parrish sendas al ni kelkajn interesajn rimarkojn pri sia parolad-vojaĝo, pri kiuj ni speciale atentigas niajn Del.

De la jam donitaj paroladoj mi ĉerpis kelkajn spertojn, kiuj eble helpos al aliaj grupoj aranĝi la aferon en siaj urboj. Unue, mi klarigu iom.

Por konvinki la Komercajn Ĉambrojn de Usono pri la praktikeco de Esperanto, kaj pri ĝia jama uzebleco, mi sukcesis instigi la Ĉambron de Los Angeles, Kalifornio, provizi min je plena kolekto da 250 belegaj lumbildplatoj ilustrantaj la industriojn, urbojn, interesajojn kaj oportunajojn de tiu-ĉi ŝtato.

Oni ankaŭ provizis min je la kompleta aparato, unu el la plej bonaj, kaj donis al mi leterojn rajtigajn, kiuj petas por mi la helpon laŭeblan de Komercaj Ĉambroj ĉie en la mondo. Do mi estas kvazaŭ oficiala reprezentanto de la Ĉambro de Los Angeles, kvankam mi ricevas nenian rekompencon. Mi celas prezenti en kiel eble plej multe da diversaj urboj kaj landoj ilustritan esperantan paroladon pri Kalifornio, unu el la plej mirindaj kaj interesaj regionoj en la mondo.

Ne estas malfacile aranĝi tian paroladon en ĉiuj urboj, kie ekzistas agemaj samideanoj, kaj en tia maniero ili povas, siaflanke, konvinki la samurbanojn pri la uzebleco de nia lingvo.

Grandaj kaj fortaj grupoj ne bezonas konsilon. Ili mem aranĝos la detalojn de afero laŭeble, sed al aliaj grupoj mi volas fari kelkajn sugestiojn, kiuj montros kiel simple estas sukcesplene aranĝi tian propagandon. Mi prenas la liberecon tion fari, ĉar, kvankam mi ne celas senpere propagandi la lingvon, mi kredas ke la afero donas al ili plej gravan kaj efikan konvinkilon.

Oni petu la kunlaboron de alia societo, se eble, la Komerca Ĉambro, por havi la ĉambron, lumon, ktp. Oni anoncu simple « interesan paroladon pri Kalifornio, kun 250 koloraj lumbildoj », ktp., sed ne anoncu ke la parolado estos farata en Esperanto. Oni decidu ĉu pagigi la ĉeestantojn kaj se jes, estos bone, doni kelkafoje dum la parolado, mallongan resumon de la ĉefaj punktoj, en la nacia lingvo. Se oni ne pagigas la aŭdantaron, mi ne kredas ke estas necese fari tradukon, ĉar la bildoj per si mem, estas sufiĉe belegaj kaj interesaj por kontentigi ĉiujn. (Vi pardonos se mi multe laŭdas la bildplatojn, kiujn ni montros, sed mi havas la certigojn de spertuloj, ke neniam oni montris pli interesan aŭ pli belan kolekton en iliaj urboj).

Por havi helpon de la Komercaj Ĉambroj oni povas uzi la fakton ke la paroladanto reprezentas la Ĉambron de Los Angeles. Oni ne diru, ke mi parolas Esperanton por propagandi ĝin, sed kvazaŭ *devige uzas la lingvon kaj la servojn de U. E. A.* por povi en multaj diversaj landoj konigi la belajojn de nia regiono. En Napolo, kvankam nur unu esperantisto, la lerta kaj estimeginda S-ro Bagnulo, parolas la lingvon, ni prezentis la aferon al la Komerca Ĉambro, kiu metis je nia dispono la grandan, belegan halon de la Borso, faris la anoncojn en la jurnaloj, invitante siajn anojn ĉeesti multenombre, kaj, mallonge, faris ĉion eblan por sukcesigi nian Esperantan paroladon !

Per parolado kun bildoj ni kvazaŭ instruas la aŭdantojn pri Esperanto. Ili vidas la bildojn, samtempe aŭdante la klarigojn, kaj mi aŭdis ofte neesperantistojn diri, ke ili preskaŭ ĉion komprenis. Pro tio, estas bone eviti tradukojn se eble, sed la lokaj grupoj devas pri tio decidi.

Nun, kelkajn vortojn pri la kondiĉoj. Por eviti la viziton al grupoj kiuj pro nezorgemo aŭ malmulteco ne povas bone aranĝi la aferon en siaj urboj, — en aliaj vortoj, por eviti vanajn laboron kaj elspezojn ambaŭflanke —, kaj cetere, por rekompensi al mi almenaŭ trionon de la kosto de la vojaĝo, kies reston mi persone pagas — mi povas viziti de nun, laŭ la artikolo antaŭ kelka tempo presita en *Esperanto*, nur tiujn grupojn, kiuj certigos al mi 25 Sm. Por faciligi oportunan vojaĝplanon, mi petas ke ĉiuj grupoj kiuj deziras tiamaniere propagandi, kaj kiuj ne jam informis min pri tio, sendu siajn invitojn al U. E. A. Kontraŭ tiuj certigoj mi, miaflanke, garantias la sukceson de la afero, se oni nur bone aranĝos kaj antaŭanoncos ĝin.

D. E. Parrish.

### Oni laŭdas !

Sekve de la dankoj de S-roj H. Fridœri el *Zuriĥo* kaj R. Rubĉiĉ el *Ragusa*, aperintaj en la lasta numero de Esperanto, al mi, al S-ro D-ro Ghez kaj al la esperantista anaro en Trieste, ni dankas la du sinjorojn pro iliaj bonaj esprimoj, sed ni pensas, ke ni nenion pli faris ol nian devon kiel Esperantianoj kaj esperantistoj; ni estas devigataj publike danki S-ro R. Rubĉiĉ, kiu dum sia longa ĉeestado en Trieste tre efike helpis nin en la esperanta movado, kaj al li ni ŝuldas parton de nia sukceso. Valeriano Pohusta,

Del. Trieste.

### Oni proponas !

∴ S-ro A. Tellini, Del. Bologna, proponas, ke U. E. A. eldonu kajeretojn aŭ foliojn el dika papero, vendeblajn al la Delegitoj ; tiuj folioj estus difinitaj por ricevi la subskribon de la traveturantaj samideanoj, ili restus en la grupoj, kiel memorajoj, kaj povus esti prezentataj en ekspozicioj. Oni indikus la nomon, antaŭnomon, kutiman adreson de la pasanto, la urbon de kiu li venis kaj al kiu li iras.

∴ J. Schmazl, Del. Augsburg, rimarkigas, ke multaj personoj, kiuj ne volas uzi la servojn de U. E. A., hezitas aliĝi dirante, ke la jarlibro estos al ili senutila. Li do proponas fari el la jarlibro poŝkalendaron kun, krom la nunaj indikoj, kelkaj notfolietoj, k. t. p. La elspezoj estus eble kompensataj de la plimultiĝo de aliĝoj.

∴ S-ro Ch. Brunet, Del. Bordeaux, proponas, ke oni duonmonate publikigu sur monoa folio la liston de novaj Del. ; Dist. Del ; Esp. entr. ; Esp. Asoc. ; de ŝanĝoj de Delegitoj ; de la lokoj, kie ne plu estas Del. ; de la forstrekoj, k. t. p. Tiu folio estus metebla en la jarlibron kaj evitus la eldonadon de duonjara aldono. La elspezojn povus pagi reklamoj sur la dorsa flanko.

---

# Esperantia Vivo

**Naskiĝoj.** — La 30 de junio, filo naskiĝis al Ges-roj *C. Barthel*, Prezidanto de la esperantista Grupo en Frankfurt a M. (Germanujo).

La saman tagon havis filinon Ges-roj *P. Th. Stolk-Esman*, ambaŭ fervoraj membroj de la Tramista Grupo en Hago (Nederlando).

**Edziĝo.** — D-ro Ŝipek, en Luhaĉovice (Bohemujo), edziĝis kun *Fr-ino Vesela*.

---

**Rapidu aliĝi al la 2a Kongreso de U. E. A. (Antverpeno). Kongreskarto : 2 Sm. Helpkongresa karto : 1 Sm.**

---

# Alvokoj

### Por milithavenoj

Al la Del. kaj Laborkons. en la milithavenoj mi proponas interkorespondadon pri uzoj, kutimoj, kondiĉoj de laboro, k. c. en la ŝtataj ŝipkonstruejoj. Tradukante tiujn informojn en niajn lokajn kaj korporaciajn gazetojn, ni certe interesos niajn samfakanojn kaj alkondukos kelkajn el ili al la lernado de nia lingvo. Skribu al S-ro J. Escaré, Laborkons.

2, R. Waldeck-Rousseau, *Toulon*, Franc.

### Ekspozicio

Okaze de la preparata ekspozicio de esperantajoj petas la organizantoj de la 2-a Aŭstria Konferenco, ke la redakcioj de esp. gazetoj bonvolu sendi laŭ sekvanta adreso po unu ekzemplero de sia revuo. Ne malpli ŝatataj estos specimenoj de esp. katalogoj, broŝuroj, k. a.

Propaganda Societo Esperantista
*Praha* II. Vodiĉkova ul. 38.

### Al ĉiuj reprezentantoj de U. E. A.

Ĉar mi intencas verki statistikan grafikajon por nia Societo, mi varme petas ĉiujn Del., S-Del., V-Del., Kons., ke ili kompleze sendu al mi tre klare skribitan sian adreson, aldonante al ĝi sian profesion, oficon aŭ staton. Prof. Alessandro Mazzolini, *Perugia* (Ital.) Via Mazzia 4.

### Tradukistoj !

Grava libro 180 paĝa. *La organizado de la intelekta laboro,* jus tradukita el germana originalo Esperanten, devas esti retradukata el *Esperanto en 12 naciajn lingvojn* : angla, franca, holanda, sveda, norvega, itala, hispana, portugala, hungara, rumana, rusa kaj pola. Oni serĉas tradukistojn, laborantajn senpage. Ĉiu tradukisto tradukos unu ĉapitron de 12-15 paĝoj. La tuta laboro devos esti finita la 15-an de septembro ; fervoraj Esperantistoj sendu sian aliĝon tuj al J. Schmid, L. K. Federala Komerca Departemento, *Bern* (Svislando).

### Al ĉiuj Esperantistoj

Mi okupiĝas per la kolektado de dokumentoj pri la evolucio de la helplingva demando. Mi deziras verki esperantan verkon pri tiu demando laŭ bibliografia kaj historia vidpunktoj. Antaŭe mi ankoraŭ bezonas kelke da mankantaj verkoj. Vidante la malfacilecon akiri la bezonatan materialon, mi treege petas mian helpeman samideanaron por afabla helpo :

1.) *Per donaco* de ĉiuj verkoj, libroj, broŝuroj, revuaj artikoloj (eltranĉitaj el ĵurnaloj) rilataj al la *helplingva* demando aŭ al *pasigrafio*.

2.) Per serĉado en librovendejoj kaj per sciigo de la titoloj, aŭtoroj, prezoj de la trovitaj verkoj (oni serĉu en katalogoj sub volapük, ĝenerala filologio kaj « Varia » titolo) ke mi povu ilin aĉeti.

3.) Per *donado* de adresoj de ankoraŭ vivantaj volapükistoj.

Mi deziras scii pri ĉiu verko vendebla aŭ interŝanĝebla eĉ pri la plej malgranda folieto. Interŝanĝe mi volonte rekompencos la helpanton per valoraj esp. verkoj aŭ per aliaj aĵoj laŭdezire.

Al ĉiu helponto mian plej koregan antaŭdankon. — *Budapest*, Ullœi-ut, 59. Prof. Ā. de Marich (Hungarlando).

### Urbaj veturiloj

Por fakaj ĵurnaloj mi verkas artikolon pri « la veturiloj uzataj por transporti personojn en la diversaj mondpartoj ». Pri Germanujo mi havas preskaŭ ĉiujn informojn, sed ne pri eksterlando ; per Esperanto mi esperas ilin akiri, kaj petas la samideanojn pri helpo. Mi bezonas kelkajn bonajn fotografaĵojn montrantajn parte la plej malnovajn, parte la plej novajn veturilojn *nun uzatajn*. Preskaŭ en ĉiuj urboj fotografaĵoj pri tio estas aĉeteblaj ; se ne, oni povas ĝin fari mem. Ĉiu formato konvenas, necesa estas nur la *klareco* (por kliŝiĝo) ; la objekto estu prenita de flanko, por ke estu videblaj ambaŭ ekstremaĵoj. La elspezoj estos repagataj laŭ kunsendita kalkulo.

Se mi sukcesos, mi kompreneble citos en la teksto, ke dank'al nia lingvo mi akiris tiujn informojn. Mi fidas al la helpo de ĉiulandaj samideanoj ! Oskar Bergmann, inĝeniero, *Charlottenburg* (German.) Kaiserfriedrichstr. 35-II.

### Horkalkulado

Ĉu la belga sistemo de la kalkulo de 24 horoj ĉe la fervojo kaj la poŝto (forlasanta la rimarkojn « tage » kaj « nokte ») estas imitinda por ĉiuj ŝtatoj ? Precipe la Aŭstria registaro sin nun fervore per ĉi tiu demando. F. Kober, *Warnsdorf* 1.200 (Bohemujo).

### Al ĉiulandaj ĝardenistoj

La 31 julio okazos en Luksemburgo la kongreso de la « Internacia Profesia Ĝardenkultura Unio ». Oni raportos kaj diskutos pri diversaj temoj (klasifiko de rozoj, plantmalsanoj, doganaj formalaĵoj, perdoj en la fervoja transporto, k. t. p.).

Mi invitas ĝardenistojn aŭ plantejestrojn inter la legantoj de « Esperanto » direkti proponojn, dezirojn aŭ demandojn Esperante skribitajn, kun la surskribo « Luksemburga Kongreso » al la *Verband der Handelsgærtner Deutschlands*, en Berlin-Rixdorf, por atentigi pri la utilo de Esperanto eĉ en tiu prefesio. Plue, mi petas la samideanojn en Luksemburgo atentigi la kongresanojn pri la samo kaj, se eble, kaŭzi diskuton pri la demando.

Hans Poensgen, Plantejestro. *Kaiserswerth*, Germanujo.

### Somera banloko

Multaj banlokoj estas, kies prospektoj promesas novan, fortan vivon, novan sanon. Mi, kiel Delegito de U. E. A. en unu el la plej eminentaj, mondkonataj banurboj, sentas min devigita atentigi samideanojn pri ĝi.

Jam multe da en- kaj eksterlandaj gastoj venis, sed vane mi serĉis inter ili verdan stelon. Ĉu mia urbo ne estas konatata inter Esperantistoj ? Ĝi tute ne meritas tiun nekonatecon. Ĉi tie estas kuraceblaj : *kormalsanoj*, per karbacidriĉa fonto ; *Stomak- kaj intestmalsanoj*, per salhavaj akvoj ; *nervmalforteco* per ozonhava aero en la ĉirkaŭaĵo. La restado estas malmulte kosta.

Kiel Delegito, mi prenas sur min ĉiujn antaŭajn prizorgojn kaj volonte informos pri ĉio.

Do, venu Bad-Kissingen ! Vi certe ne bedaŭros vian restadon.

H. Neubert, Del. U. E. A.

fabrikoficisto, Pl. L. PM. kaj fotografaj., kun ĉiuland. samid prefere ekstereŭrop.

Romans (Franc.). — Subkolonelo Pillon aĉetas, interŝ. kaj cedas PM.

Berlin-Wilmersdorf (German.). — S-ro Paul Nollenberg, Holsteinische St. 44a P. I. kun neeŭropo.

Vilno (Rusujo). — Aleksandro Juhnevič, str. Moskovska, 2-10, Pl., L. (nur kun francaj fotograf-amatoroj de urbo Nantes (Loire-Inférieure, skribu france).

Moskvo (Rusujo). — S-ino Lidy Jakovleva, Tverskaja, Leontierskij per d. Granat kv. 1. Pl.

St.-Stschelkovo-Moskvo (Rusujo). — S-ro T. Sedov, fabrikejo de Polakov ; S-ro v. Svirin, domo de Kopylov ; L., Pl.

Stavanger (Norvegujo). — F-ino Johanna Johnsen, Orpheimsgaten 31 ; Pl.

Frankfurt a/M. (German.). — Franz Rohrig, Abtsgasschen 11 ptr. ; PM., Pl.

Nancy (Franc.). — S-ro Gagneraud, violonisto, 8, r. Braconnot ; Pl., PM. (ĉiuj landoj, Pref. skandinavaj kaj balkanaj).

Neverkovo (Rusujo, Jaros. gub.). — S-ro A. V. Lubomudrov ; PK., L. (precipe kun finnoj).

Sabadell (Hispan. Katalun.). — S-ro Matias Girbau. str. Sankta Kiriko 34 ; Pl., L.

Valencia (Hisp.). — S-ro Julio Avino, C. Sevilla 5-30 ; Pl.

Vysoké Myto (Bohemujo). — S-ro Bohuŝ Ausobsky, tipografisto ; S-ro Aut. Prazak, tipografisto ; Pl. (ĉiuj landoj).

'S-Gravenhage (Nederlando). — Frans Halsstraat, 91, H. Boetes, Pl.

Egorjevsk (Rusujo, Rjazan). — S-ro G. M. Konjuŝkov, Pl.

Versailles (Francujo). — S-ro Rouget, 5e Génie, Cie 21-4, Caserne Denfert ; Pl., L.

Irkutsk (Rusujo, Siberio). — S-ro P. G. Tmenov, Burjatskaja Pozemelnoustroitelnaj Partija Pl., L. (pri topografio).

Irkutsk (Rusujo, Siberio). — S-ro A. F. Bannikov, Slujba Tjagi Zabajkalskoj dorigi. Pl. K. (pri infana edukado kaj fotografado).

Peterburgo (Rusujo). — S-ro Johano Hofberg, Uŝakovskaja ul. 12. kv. Pl.

Auckland (Nova Zelando). — S-ro F. Miklavĉiĉ, Sek., Austro-Hungarian Consulate. Pl. (kun ĉiuland. p. m. bfl.).

La Reole (Francujo, Gironde). — S-ro Pamelaire, P-ro en Terkultura Lernejo. Pl. (kun bildoj de tre grandaj aŭ eksterordinar. arboj. Nur eŭrope).

Bruselo (Belgujo). — S-ro V. Lamberts, 27, Rivierstraat Pl. p. m. blf. (de belaj lokoj).

Peski st. (Rusujo). — S-ro V. N. Petrov, Kazanskaja j. d.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

SENPAGAJ INSTRUKCIOJ pri hipnotismo kaj pri magnetismo. Sin turni al Societo Psychique, Paris XIXe, 142, rue Flandre.

---

ATENTU ! Bonvolu antaŭ sendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukceplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

---

« GESTUDENTAJ INTERESOJ. » — Sola studenta organo. Jarabono Sm. 1. — Redakcio : « Esperanto » en Luhaĉovice (Aŭstrio, Moravio).

---

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en Lübeck. Ekspedoj la nordo. Eksport- kaj import-komisioj. Adreso : G. Klefe, Unterave, 8, Lübeck (Germanujo).

---

INDUSTRIISTO DE LERNILOJ, uzeblaj en la lernejoj, deziras rilati kun grandaj vendistoj de tiuj artikoloj. Certe respondos. Skribu : W. P. Pompe Kerkstaat, 137, Ijsselstein, Nederlando.

---

FRANCA FRAŬLINO, 16-20 jara, bone edukata el bona familio estus akceptata ĉe plej bona familio, ellernante germanan lingvon dum la vintra sezono, interŝanĝe kun ĉarma filino 17 jara, dum la somera sezono 1912. Estus reciproka kondiĉo zorgi same kiel pri propra infano. Skribu al la Esperantista Grupo, Hanau, Rhoenst, 4 (Germanujo).

---

SPECIALA PETEGO. — A. M. Oliva, Leŭtenanto G. Rural, Colon, Republica de Cuba (Antiloj), dez. interŝanĝi portreton kun ĉiuj landanoj. Li faros respektan memoraĵon el ĝi. Tuj respondos. Al tiuj kiuj estas militaristoj, portreton aŭ militajn vidaĵojn : ankaŭ p. karton.

---

HAPSAL (Rusujo, Estlando). — Fotografejo Grüntal, dankas ĉiujn siajn korespondantojn, kaj petas al li plu nenion skribi. A ĉiuj respondos.

---

RIPREZENTADO. — Por reprezenti en Valencio (Hisp.). gravajn komercajn kaj industriajn firmojn, sin turni al S-ro. Luis Perez, C. San miguel, 3, Valencio (Hisp.) Delegito de U. E. A.

---

ESPERANTISMUS, a jeho svetova organisace U. E. A. Bonega broŝuro pri U. E. A. en Bohema lingvo. Prezo : 5 ekz. 50 heleroj ; 10 ekz. 80 hel. ; 20 ekz. 1.50 kr. Sin turni al S-ro R. Fridrich, Del. U. E. A. Prostejov (Moravio).

---

ŜANĜO DE ADRESO. — S-ro Em. J. Nicolau, Del. U. E. A. petas ke ĉiuj korespondaĵoj estu adresataj al la adreso : str. J. C. Bratianu, 5, Bukareŝt (Rumanujo).

---

KORESPONDADO. — 60 Italaj instruistoj deziras korespondi kun gekolegoj el ĉiuj landoj per p. k. aŭ leteroj. Adreso : Liguria Esperanto Instituto, Via Lomellini 18, Genova.

---

KOMFORTAJ MEBLITAJ ĈAMBROJ, en trankvila situacio ; proksime al stacidomo kaj ekspozicio — S-ino von Grote, Lutti-chaustr. 27 — la etaĝo. Dresden.

---

POŜTMARKOJ. — Sinjoroj kiuj intencas kolekti markojn, aŭ kiuj deziras ricevi markojn por elekti, turnu sin al « Filatelisto 214 » en Prago III poŝtrestante. (Skribu klare vian adreson).

---

---

*La Administranto (Gérant)* : MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).



## UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

ESPERANTIAĴOJ

**Oficiala insigno,** pinglo aŭ broĉo, 36 Sd.; butono, 40 Sd.; por rekomenda sendo, 10 Sd. plie.

**Oficialaj korespondiloj** : 100 leterfolioj 70 Sd.; 100 kovertoj, 48 Sd.; 100 poŝtkartoj 70 Sd.

**Oficialaj markoj** kun bildo de D-ro Zamenhof, 100 ekz. 85 Sd. (je la profito de la Centra Kaso de U. E. A.).

**Gvidfolioj,** plena kolekto, 50 Sd. afranke.

*Abonigo je ĉiuj gazetoj ; ĉiuj libroj aĉeteblaj.*

Svisujo **SARNEN** Fervojo al Brunig

## HOTELO SARNERHOF

*Bona familia PENSIONO en belega loko. Lago. Montaro. 1 1|2 ĝis 2 spm. Oni parolas Esperante, France, Germane, Angle, Itale, Russe.*

Gaje antaŭen.

### ESPERANTISTA KANTARO

Dua plibonigita eldono. Kolekto de 17 originalaj aŭ tradukitaj kantoj.

Melodio agrabla kaj tre ŝatata. Vortoj kun muziko por 4 voĉoj. Taŭgas bone kiom por grupoj, tiom por izoluloj. Prezo afranke : Sm. 0,440.

Tradukita de S-ro *René de Saussure* jus aperis :

**ALINE,** novelo de C. F. Ramuz, 150 paĝoj ; bele arangita volumo, en bona stilo tradukita. Prezo afranke : Sm. 1.

De la sama tradukinto :

**LA DEVO,** de Ernest Naville ; 152 paĝoj, lukse eldono. La libro pro sia enhavo kaj aranĝo devas manki en neniu esperantista biblioteko. Pr. afr. : Sm. 0.900.

Aliaj rekomendindaj libroj :

**Per espero al despero,** dek originalaj poemoj de D-ro St. Schulhof. La libro estas favore recenzita en ĉiuj jurnaloj esp. Afranke : Sm. 0.340.

**La Kato,** de J. Rajberti. Afranke : Sm. 0.200.

**Jolanto,** la filino de l'reĝo René, de H. Hertz ; lirika dramo en unu akto. Bone sukcesita traduko de Hj. J. Runeberg, el la dana lingvo. Afr. : Sm. 0.380.

**Insignoj kaj esperantaj ornamajoj laŭ granda elekto**
**Petu la kolore ilustritan katalogon**

Ni abonigas al ĉiu esperanta gazeto kaj liveras esp. verkojn je originalaj prezoj. Esperantianoj, mendonte turnu vin al via Oficiala Librejo !

UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO
Genève, Svisl., 10, Rue de la Bourse

Oni povas mendi laŭ iu ajn katalogo de esp. verkoj

## Kvaroncentjara SPERTO pri Publikigarto



ILUSTRIGU
*VIAJN*
ENPRESAĴOJN
*KAJ*
*ĈIUJN VIAJN*
PRESAĴOJN
*PER*
*LA*
PUBLICITE
Esperanto
HERLEMONT



**25, rue Saint-Vincent-de-Paul, PARIS (X^e)**

Grafikaj Artoj de Publicite " ESPERANTO ", Herlemont

Kontraŭ

**Reŭmatismoj, Iskiatiko, Lumbago, k. a.**

*la negrasaĵa balzamo*

## "ASARCOS"

**estas la plej efika kaj la plej pura el ĉiuj eksteraj kuraciloj.**

Sendo kontraŭ poŝtmandato da :
por Francujo : frankoj **2** » (Sm o.80)
por Fremdlandoj : » **2.25** (Sm o.90)
Skribu al S.ro J. BOUGE, farmaciisto, GRASSE (Francujo).

## HOTELO
## LOUIS-LE-GRAND

**2, rue Louis-le-Grand, PARIS**

En belega loko, inter la rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

BORDEAUX-VINOJ

## Firmo Emile LAMY, Posedanto

*BORDEAUX (Franclando)*

Vinoj de Tablo. Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo aŭ duonbarelo.

Vinoj Maljunaj. — Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo, duonbarelo, kvaronbarelo, aŭ per kesto, diversspeca.

*Likvóroj de Vinoj — Alkoholoj — Ĉampanoj.*

Sin turni al S^ro **Arnoux,** sola agento, 11, strato Chaligny, Paris (Franclando). Sendo de specimenoj laŭ peto. Oni korespondas Esperante.